XXV-a jaro. N° 350 (10). Monata Oktobro 1929.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## La lingva situacio en la nuna mondo

Denove a mondo rehavas iom da espero al baldaŭa serioza internacia organiziĝo por kunlaborado anstataŭ milito. En la Septembra kunveno de la Ligo de Nacioj ĉiuj eŭropaj grandpotencoj fine subskribis sian submeton al deviga juĝado de Haga Tribunalo anstataŭ konservi sian « rajton » triumfigi propran vidpunkton per forto aŭ minaco.

Tio estas historia momento. Kompreneble tiuj solenaj subskriboj ne sufiĉas por redoni fidon al la popoloj. Kiu fidus je la efiko de loka tribunalo, se ĉiu stratnajbaro kaj si mem daŭre promenus kun preta armilaro ? Por ke superŝtata tribunalo certigu trankvi econ, necesas ke la ŝtatoj rezignu ne nur sian « rajton » je militminaco sed ankaŭ siajn rimedojn je perforto.

Tial la popoloj simpatie vidas la du grandajn anglolingvajn ŝtatojn ekkontrakti pri haltigo de sia ĝisnuna konkurado en konstruado de militŝipoj. Ankaŭ simpatie ili vidas Francujon ekinteresiĝi pri ekonomia unuiĝo kaj faciligo de la eŭropa vivo.

Tamen, ni diru ĝin malkaŝe, la malgrandaj nacioj kaj senarmeaj vastaj popoloj ankoraŭ havas alian timon, nome ke tiuj utilaj iniciatoj kaŝus novajn formojn de hegemonio. Bone estos ke la angle parolantaj nacioj absolute rezignu je armila konkurado inter si, gratulinde ke la francparolantaj ekpropagandu por ekonomia saĝo en Eŭropo, sed neniu deziras esti regata de unu privilegia raso. La novajn formojn de monda aŭ eŭropa organiziĝo la popoloj akceptos tutkore nur en plena egaleco, neniam sub ies ombro.

La lingvoj tie ludas grandegan rolon. Pli kaj pli landlimoj kaj naciecoj difiniĝas laŭ lingvoj. En internacia vivo la lingvo simbolas la influon. Ke la tutmondon regos la angla kaj Eŭropon la franca, tio ŝajnas esti la konstatebla fluo de multaj pensoj.

Nu, estu tempo, ke aliaj nacioj havu la saĝon kaj kuraĝon averti solene kaj laŭte, ke tie kuŝas grandega danĝero. Nenia organizo internacia aŭ tutmonda fariĝos vere tutkora kaj vere komuna el ĉies fido kaj partopreno, se ĝi bazas fundamente sur maljustaĵo kaj malegalaĵo. Lingva hegemonio kaŭzas interne ribelojn, eĉ militojn. Kiel ĝi ne efikus ankaŭ detrue sur la eksterlanda kampo ? Ni ne laciĝos insisti pri tiu grava temo.

En tutmondaj kongresoj kie regas angla lingvo potence, la franclingvaj kompetentuloj sentas sin perditaj kaj suferas akre la maljustaĵon. En politikaj eŭropaj konferencoj, kie regas la franca, tute simile sentas Italoj aŭ Svedoj.

En Mediteraneo la nova Italujo tute nature forte antaŭenpuŝas sian lingvon por akiri ankaŭ sian influon kulturan kaj alian. La germana, kun sia riĉega teknika literaturo kaj multnombra legantaro, posedas jam tre vastan komprenan teritorion. La rusa fariĝis la oficiala komunikilo de granda unuiĝo de orientaj nacioj en Eŭropo kaj Azio.

La ĉina estas jam la skribilo de pli ol kvarono de l'homaro, hodiaŭ revekiĝinta al politika potenco. La dividitaj Hindoj, unuiĝemaj por konstrui propran ŝtaton, disvastigas inter si la uzon de *hindi* kiel komuna lingvo.

En la nuna tempo ne plu taŭgus la sistemo de mastraj kaj subgradaj popoloj, ankaŭ ne sur la lingva kampo.

Multe tro forta estas ĉie la postulo al egaleco. En tiuj kondiĉoj venis la momento por serioza atentigo pri la internacia lingva situacio kaj senantaŭjuĝa observado de la esperanto-sperto kiu ebligus rimarkindan solvon de tiu egaleca problemo en malpli ol unu generacio, se nur oni scius agi decideme.

La malgrandaj nacioj povus tre facile komenci tie nevenkeblan movadon, ĉar ilin sekvus grandaj. Eĉ en Usono, Anglujo kaj Francujo ekzistas jam respektinda nombro de scienculoj — se ne politikistoj — komprenantaj tiun esencan veron : ke la vera gvidado en la estonteco fariĝos per bona ekzemplo kaj ne per trudo. Sur internacia neŭtrala bazo la anglo- kaj franc-lingvaj nacioj povos daŭre montri al ceteraj popoloj kion rimarkindan kaj imitindan ili posedas, sed ili povos ankaŭ ion lerni de l'aliaj, kiel ĉiu el ni. Kun la disvastigo de Esperanto kiel helplingvo, la deziro lerni anglan kaj francan lingvon el kultura motivo ne nur daŭros sed kreskos tiom longe, kion tiuj popoloj riĉigos sian intelektan trezoron. Sed ceteraj havos ankaŭ sian eblecon, kio estas nur justa kaj dezirinda por civilizo kompleta, ne duona,

Edmond Privat.

# LITERATURO

## Aventuroj de Persa Princo

*De Edmond Privat.*

Antaŭ kelkaj jaroj sidadis en la ĝeneralaj kunvenoj de la Ligo de Nacioj kiel persa ĉefdelegito Princo Arfa, alinome Mirza Riza Khan. Li ne devenis el reĝida familio, sed estis princigita antaŭ la milito pro siaj servoj kaj longa sperto. Oni faris lin princo de la saĝo.

Poeto kaj filozofo, li dum longa tempo representis sian landon kiel ambasadoro en Konstantinoplo kaj amike korespondis kun la granda rusa verkisto Leo Tolsoj pri siaj favorataj temoj: paco, unueco de la homaro super diferencoj de raso kaj kredo.



Li sidis en la unua konferenco pri senarmigo, kunvokita de Ruslando en Hago 1907 kaj tie amikiĝis kun W. T. Stead, la konata angla ĵurnalisto kaj idealisto, pioniro de Esperanto en la Brita Insulo. Post la mondmilito li denove sidis en Ĝenevo ĉe la Ligo de Nacioj kaj tie uzis altan kaj kuraĝan parolmanieron, kiu kontrastis kun la rifuzemo de la potenculoj kaj flatemo de multaj malpotenculoj.

Kiam oni kreis novan privilegion por la elektoj al konsilantaro de la Ligo kun speco de duonkonstanta aneco por certaj landoj, li kuraĝis aŭdigi proteston en silenta timema kunsido kaj liaj vortoj restis famaj: « Sinjoroj, li diris, vi nun starigis ĉe la Ligo kvazaŭ mezaĝan sistemon de sociaj klasoj: 1-e aristokrataro, t.e. la grandaj potencoj kun konstanta sidloko en la konsilantaro, 2-e burĝaro, t.e. la landoj kun duonkonstanta daŭrigebla sidloko kaj 3-e la proletaro, t.e. ni la ceteraj landoj elekteblaj vice kiam restas loko. »

Mirinde estis observi la fizionomion de la kunsidantaj diplomatoj ĉe aŭdo de tiu severa parolo kaj vidi la rideton de la stenografantaj ĵurnalistoj. Estis ankaŭ Princo Arfa, kiu solan fojon uzus la faman rajton haltigi decidon per sia unu voĉo rompanta la necesan unuanimecon.

Temis pri tiu artikolo de la Liga kontrakto, kiu garantias al ĉiu regno kiel membro de la societo la kolektivan helpon de ĉiuj aliaj por gardi ĝian sendependecon kontraŭ ies ajn atako. Grandaj potencoj volis ĝin malfortigi per tiel nomata « interpreta aldono », laŭ kiu ĉiu restus libera juĝi pri sia devo laŭ la cirkonstancoj. Oportune, ĉu ne?

Ĉiuj malgrandaj nacioj tre timis akcepton de tiel grava ŝanĝo kaj forigon de sia plej ŝatata garantio. Sed la potenculoj ilin « konvinkis » per konataj diplomataj rimedoj inter promeso kaj minaco. Oni devigis ilin almenaŭ sindeteni ĉe la voĉdono, se ili ne volis diri « jes ».

Esti konate, ke ankaŭ Persujo ne konsentis la aferon. Ĉirkaŭ la benko, kie sidis Princo Arfa kun sia ĉiama nigra ĉapo el astrakana felo, svarmis altrangaj potenculoj por lin delogi. « Se vi ne volas voĉdoni *jes*, bonvolu vin deteni. Se vi ne volas deteni vin, eliru momenton el la salono dum oni voĉdonos kaj vi estos « forestanta », do ne kalkulata en la voĉdonado. Vian afablecon oni memoros ĉe la venontaj elektoj al konsilantaro k.t.p. »

La maljuna saĝulo restis firma. Venis la publika alvoko de la regnoj laŭ alfabeta ordo. Kiam ĉe *P* oni vokis « Persujo! » tra la vasta salono sonis energia « *Ne* » kaj la afero estis perdita. Tiamaniere princo Arfa savis la Ligon el kvazaŭ sinmortigo. Dek sep landoj sin detenis, sed ne kuraĝis diri *ne*. Post la kunsido alkuris la dek sep ŝtatistoj por premi la manon de la Princo kaj lin danki pro lia braveco.

Kiam ekaperis lia nigra fez-forma ĉapo en iun ajn komisionan salonon oni ja sciis, ke tie ne estos eble « aranĝi » aferojn laŭ nura plaĉo de kelkaj du aŭ tri. Apud D-ro Nansen, la norvega apostolo de senarmigo, princo Arfa elstaris kiel defendanto de la demokrataj rajtoj de la malplipotencaj landoj.

Pri li oni rakontis plurajn aventurojn. Ekzemple al la unua kunveno de la Ligo en 1920 li ne sukcesis alveni, ĉar lia veturilo estis atakita de banditoj en dezerta loko de la vojo inter Teheran kaj Tabriz. Ili pafis kaj mortigis ĉiujn, rabis ĉion kaj ĵetis la kadavrojn en apudan kampon. Princo Arfa, kovrita de sango, kredis sin ankaŭ mortvundita, sed fakte ricevis nenion krom sangon de sia sekretario kaj la frapon de la forĵeto.

Vekiĝinte el sveno li do sukcesis marŝi al proksima vilaĝo post forrajdo de la banditoj. Sed li maltrafis la necesajn komunikojn al Eŭropo. Lia nuna posteulo ĉe la Ligo kutime faras la vojaĝon fluge per aeroplano. Tiamaniere li alvenas Ĝenevon en daŭro de kvin tagoj.

Foje en ĝeneva rondo iu belga profesoro el Louvain estis prezentita al Princo Arfa kaj lin demandis: « Ĉu Via Moŝto sccias ion pri la persa poeto kaj filozofo, kies statuan buston ni havis en nia universitata biblioteko, mi ne memoras la nomon, eble Mirza aŭ Riza? »

— Kial vi tion demandas? respondis la Princo.

— Ĉar okazis io rimarkinda, certigis la profesoro. Dum la mondmilito kaj parta detruo de nia urbo nia biblioteko estis bruligata kaj kvazaŭ nenio restis el ĝi krom ruinaĵoj. Sed el tiuj ruinaĵoj elstaris sole unu statuo, ĝuste la busto de tiu fama Perso.

— Nu, diris Arfa trankviltone, ĝi estas la mia. Ĝin oni skulptis kaj metis tien post la Haga Konferenco. Dankon al Allah ke ĝi ne servis al armeo por elfandi kanonojn!

Ĉu ne regas ia nevidebla protekto super tia kapo, kies eĉ la

bildon ne tuŝis la terura sorto de l' milito? Ne strange, ke iom da mistero flugas ĉirkaŭ la famo de Princo Arfa en Persujo kaj aliloke.

Cetere li mem fidele sekvis siajn principojn de respekto al alies vivo. Konata estas la fakto ke li eksiĝis iam el sia posteno de ministro por justeco prefere ol subskribi kondamnon al morto.

# La pirarbo kaj la kolportisto

DE GEORGES AVRIL.

(Originalaĵo de franca samideano, post trimonata studo de la lingvo).

Iam hebrea migranta vendisto, portante sian tutan komercaĵon sur sia dorso, trairis vastan ebenaĵon. La somera suno blindige ardis en la ĉielo, kruele lumigis kaj varmigis la teron. La vasta, senlima ebenaĵo ŝajnis pro l'amasego de la flavaj grenherboj vera maro da fandita oro. Ŝvitante, penante, iom lamante, la kompatinda kolportisto plejeble rapidis, sed li ne multe progresis.

— Ha ! li ĝemis ; kia varmego ! Kiel forte mi soifas ! Kiom mi deziras trinki ! Dio de Hebreoj, Dio de miaj praavoj, mi ne preĝas Vin rekomenci por mi, mizerulo, la miraklon, kium Vi iam konsentis al Moseo, kiam Vi permesis lin ŝprucigi freŝan fonton el la ŝtonego, kiun lia bastono frapis. Ne, mi ne postulas favoran tian kian al Profeto Vi malavare donacis. Tamen, se Vi volus bonanime ekrigardi Vian humilan serviston, Vi ordonus ke fruktarbo, se eble pirarbo, subite aperu...

La lacega, soifanta kolportisto pene kelkajn paŝojn paŝis kaj, mirigate, li ekkriis :

— Ha, plenpotenca Dio ! Kiel granda estas Via dia boneco ! Mi vidas arbon sur tiu varmegigita ebenaĵo. Nu, se tiu arbo estus pirarbo, Vian Sanktan Nomon mi glorus ĝis la fino de mia mizera vivo. Plie mi volonte oferus cent frankojn !

Vigligita de l'espero li ree paŝis. Iom post iom, paŝon post paŝo, la arbon li aproksimiĝis. Miraklo ! la arbo estas pirarbo kaj pendante de la plej alta branĉeto, unu belega piro, matura, alloganta balanciĝis.

— Dankon, dankon, kompatanta Dio ! Tio estas ja mirakla piro ! Se nur mi povus ĝisgrimpi, korĝoje por Via Sanktejo mi donus... kvindek frankojn !

Tiam de siaj kontuzitaj ŝultroj li formetis sian pezan pakegon kaj ĝin kuŝis sub la arbo. Tuj post, alkroĉiĝante al trunko per la manoj, la genuoj, la piedoj li provis la grimpadon. Malfacile kaj malrapide li supreniris. Supre, la piro ĉiam balanciĝis.

Alveninte al mezo de la trunko li petegis :

— Dio ! se Vi permesus min grimpi ĝis la supro, nepre mi donus... dudek kvin frankojn !

Jam li trafis la celon ; jam, streĉante la brakon, la dezirindan piron preskaŭ li tuŝis...

— Nun, triumfe li kriis, nun mi nenion donos !

Aj ! en la sama momento la branĉo al kiu li estis alkroĉiĝinta krakis, rompiĝis kaj peze li falis terem.

— Ho ve ! severa Dio ! li diris ekĝemetante, kiel vi rapidiĝas ! Ian ajn monon eble mi estus doninta !

**Kun la nuna numero estas sendata N-ro 34 de la Bulteno de l'Internacia Labora Oficejo.**

## Enigmo

*Kvar vortojn serĉu en viaj Esperanto-konoj,*
*Ili konsistas el la samaj kvar sonoj.*
*Kiam per forta tertremo detruiĝas la unua*
*Tiam ĝi fariĝis subite akcidente la dua,*
*La trian ordonas la lignafisto al sia helpanto*
*Kaj la kvara en Afriko estas enloĝanto,*
*La tuton solvi scias nur Esperanto-scianto.*

ALB. MAIR, Insbruck.

# Tra la Libraro

Por ĉiuj gustoj, por ĉiuj aĝoj, la laste ricevitaj eldonaĵoj ion alportas ; kaj feliĉe kelkaj el ili estas ne nur broŝuroj sed veraj libroj indaj je aĉeto kaj konservado en biblioteko.

Filozofiemuloj ŝatos la faman verkon de l' franca literaturisto Voltaire (Volter) : *Kandid aŭ la optimismo,* kiun tradukis Sro E. Lanti. Tiu lasta ne troigas dirante pri la legontoj, en sia modela antaŭparolo : « Mi ne dubas, ke dum la legado ili ne havos malpli da plezuro ol mi havis dum la tradukado. Tiu laboro estis ja por mi ĝuo, plezuro, — ripozo. » Ankaŭ multaj aprobos lin pro la simpla esperantigo de ĉiuj propaj nomoj, kiel pro apliko de ĉi tiu principo : « Oni rimarkos, ke la lingvo estas kiel eble plej senbalastigita per forlaso de ĉiu senutila sufikso. » Eble kun Sro Lanti ne ĉiu konsentos, kiam li asertas, ke Kandid estas la ĉefverko de Volter, aŭ kiam li aljuĝas al tiu ironia rakonto grandan signifon filozofian, socian kaj kontraŭ-religian. Tamen tre interesa, je diversaj vidpunktoj, estas ja certe Kandid, kaj ĉar la traduko estas bonega, estas devo nia gratuli S.A.T. pro tiu nova pliriĉigo de nia literaturo. La impreson vekitan de la lerta traduko ĉe leganto, oni prove komparos kun la miro de Kandid mem, kiam lia servisto Kakambo por li interpretas en la lando Eldorado : « Neniam oni tiom bone manĝis kaj neniam la reĝo estis tiel sprita ol dum la vespermanĝo. Kakambo klarigis la spritajn vortojn de la reĝo al Kandid kaj malgraŭ la tradukiĝo, ili restis spritaj. El ĉio, kio mirigis Kandid, tio ne estis la malplej miriga. » Kvankam kredeble la mokemo, ironio, skeptikeco kaj krudeco de l' verkisto ne plaĉos al ĉiu, certe la traduko estos unuanime laŭdata.

Romanŝatantoj satigos sian apetiton glutante la faman antaŭtempaĵon de Wells : *La dormanto vekiĝas,* esperantigita de A. Frank Milward. Eĉ jam leginte la francan tradukon de tiu verko, mi ne povis ne streĉe ĝisfini la libron, pro ĝiaj neduba valoro, lerta aranĝo, malofta strangeco. Multaj el la antaŭdiraĵoj, faritaj jam antaŭ tridek jaroj, efektiviĝis ; aliaj feliĉe ne. Cetere Wells estas majstro en verkado de tiaj duonsciencaj elpensaĵoj kaj la elektita verko indas je mondlingva vesto. La libro estas bele presita sur luksa papero. La traduko ĝenerale bona kaj komprenebla, tamen parte montras stilon malglatan, kelkajn esprimojn ne taŭgajn ; ne veraj lingveraroj enestas, sed eble troa obeo al la originala teksto. La laboro estis grava ; se ĝi ne atingas perfektecon, ĝi tute sufiĉas por plezurigi kaj instrui legantojn, kiujn ĝi meritas multnombraj.

Por geknaboj estos *Bela Joe,* aŭtobiografio de hundo, verko de Marshall Saunders, tradukita de J. Blaikie kaj N. Hohlov. En la diversaj ĉapitroj de tiu multilustrita libro la junuloj trovos aventurojn de hundo, ĝiajn rilatojn al aliaj dombestoj aŭ al anoj de modela familio, bonajn konsilojn pri konduto humana kaj amo al ĉiuj estaĵoj. Ĉu

ne tro infaneca, eĉ por infanoj, tiu speco de literaturo? Ĉu ne tro artefarita? Ne tro videble celanta al eduko? Eble jes, eble ne. Almenaŭ oni povas konstati, ke la esperanta teksto estas bonega kaj la libron, ĉu por la stilo, ĉu por la pensoj, oni povas tutfide meti en la plej senkulpajn manojn.

La samon mi ne diros pri poezia kolekto : *Prologo*, de Eŭgeno Miĥalski, dediĉata al versamantoj. Jen entuziasmo, amo, pasio, vulkanesplodo de sentoj. La aŭtoro lertege uzas nian lingvon, kaj posedas seneraran verssenton ; laŭ ritmo, laŭ poezio, li atingas perfektecon ; la lingvon li senceremonie traktas aŭ perfortas ; verboj kiel : « miljaris, kienas, onas, faŭkis, golgotas », sufikso « iv » ne timigas lin ; same ankaŭ ne, priskriboj iom krudaj de l' amaj plezuroj. Sed poetoj ja ignoras prudemon ; al ili oni ĉion pardonas se vere ilin muzoj inspiras, kaj tio estas eksterduba ĉe aŭtoro, kiu fiere anoncas :

*Mi celas ne famon. Mi celas ne « nomon ».*
*Mi celas ne brilon de l' or'.*
*Mi celas ne laŭrojn, nek bardan diplomon,*
*Nek pompon de l' glor'.*
*Mi kreas por krei. Sen ia kromcelo.*
*Mi kreas poemon el kor'.*
*Mi kreas per ĝi Monumenton de l' Belo*
*En versa kolor'.*
*Poezio de l' dudeka jarcento —*
*Bruo de la urbo multfaceta*
..................................
*Knaras radoj, krakas pordoj,*
*fajfsirenas aŭtoj...*
*Brilas vitroj magazenaj...*
*Kalvas placa rond'.*
*Ĉielenas templa pinto*
*reliefe.*
*Glitas ombroj fantomecaj,*
*malaperas en la grizo*
*de nebula ŝalo.*
*Dereliĝis tramvagono —*
*kaj ekbluis la fajrero ;*
*tra la grizo kri' eksonis,*
*kri' de malespero.*

Kiu okupas sin pri sociaj, edukaj, porpacaj, religiaj demandoj trovos faskon da pripensoj en la diverstendencaj paroladoj faritaj dum la : Interreligia Konferenco por la Paco, kiu okazis en Hago lastan someron. Ĝin partoprenis reprezentantoj de malsimilaj etikoj - kaj kredoj : la sole uzita traduklingvo estis Esperanto. Resumon de l' faritaj prelegoj, — inter ili, du de Dro Ed. Privat — prezentas en Hollanda kaj Esperanta teksto la raporto titolita : *Vrede door Religie* (Paco per Religio), tre zorge eldonita.

Por katolikoj aperis belaspekta broŝureto : *Katolika Preĝareto*, kies nura titolo sufiĉe klarigas la enhavon, partigitan per bildoj kaj titolornamajoj.

F ne lernantoj ankaŭ ricevas ion, Germanoj profitos el nova libreto de la dulingva kolekto, kiun zorgas Dro Emil Pfeffer : *Fabeloj de l' Oriento*, kun tri rakontoj : unu el Mil kaj Unu Noktoj, unu ĉina fabelo, kaj unu Sudafrika legendo ; Esperanta kaj Germana tekstoj estas sur kontraŭaj paĝoj ; ni jam rimarkis pri samspeca libro, ke la unua estas, kredeble intence, tre, aŭ tro, laŭvorta traduko de la dua. Por Francoj — kaj ankaŭ por alilandanoj, ĉar nur esperanta — estas la *Klasika Legolibro* kompilita de Sro Em. Robert. Historietoj, anekdotoj, instruaj prozaĵetoj estigas taŭgan, simplan, korektan, legaĵaron por komencantoj. Ni ĝis nun ne havis okazon citi specialan vortaron aperintan antaŭ kelke da jaroj : *Poemetaro Japana* verkita de la profeto de Oomoto-movado Sro U. Deguĉi. Ĉar por nekleraj neeŭropanoj Esperanto estas tute fremda, la aŭtoro verkis, pri ĉiu fundamenta radiko, poemeton, kiu enhavas en konciza formo aludon al la objekto, ago aŭ kvalito montrata de l' vorto, ĝian fonetikan transkribon per japanaj literoj kaj ĝian tradukon. Parkere lernante ilin, oni encerbigas vortojn kaj iliajn sencojn. Tiu originala ampleksa memorigilo estas certe unika en nia lernolibraro.

---

## NOVAJ LIBROJ

*Prologo.* Jubilea kolekto de originalaj poemoj. 1918-1928. Eugeno Mihalski. 1929. Sennacieca Asocio Tutmonda Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. — 64 paĝoj, 11 Œ × 15 Œ cm. Prezo : 0,70 mk.

*Bela Joe.* Aŭtobiografio de hundo. Marshall Saunders. Tradukita esperanten de J. Blaikie kaj N. Hohlov. Ilustrita de D. Copeland. 1929. Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn, W.C.I. London. — 312 paĝoj, 12 Œ × 18 cm. Prezo : ne montrita.

*La dormando vekiĝas.* Romano de H. G. Wells. El la angla lingvo tradukita de A. Frank Milward, 1929. The Esperanto Publishing Company L.T.D. London W.C.I. — X + 210 paĝoj, 12 × 18 Œ cm. Prezp : ne montrita.

*Kandid* aŭ la optimisto. *Volter.* Esperanta traduko de E. Lanti. Ilustroj de R. Bartelmes. 1929. Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr. 1 Leipzig. O. 27. Germanio. — 164 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo : 1,70 mk.

*Sudokcidenta Germanujo.* Esperanto — Adresaro, 1929-1930. Presita ĉe Herm. Rauch, Wiesbaden. — 48 paĝoj, 10 Œ × 15 cm.

*Katolika Preĝareto* en Esperanto. Espero Katolika, 22 Cours Albert Ier, Paris, VIII. — 32 oaĝoj, 9 Œ × 13 Œ c. — Prezo afr. : 2 fr. fr.

*Fabeloj de l'Oriento.* Marchen des Orients. 2 Sprachen-Bucher No 14. Dr. Emil Pfeffer. Tagblatt-bibliothek No 724-725. Steyrermühl-Verlag. Wien I. Wollzeile 20. — 96 paĝoj, 12 × 19 cm. Prezp : 0,60 mk.

*Vrede door Religie.* Paco per Religio. Interreligia konferenco por la Paco 31 julio — 2 aŭgusto 1928. Servire, Rietzangerlaan 15, Dan Haag. — 160 paĝoj, 14 × 20 cm. Prezo : 2,50 sv. fr.

*Klasika Legolibro.* Em. Robert. 1929. Ĉe la aŭtoro, 5 Rue Ravignan Paris, 18e. — 32 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo : 1,25 francs fr. afr. : 1,50 francs fr.

*Poemetaro Japana* por facila memorigo de Esperantaj vortoj. U. Deĝuci. — 450 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo ne montrita.

*La libervola help-servo en la nunditaj regionoj de Lihtenstejno kaj Svislando.* (Der freiwillige Hůlfsdienst in den wassergeschadigten Gebieten Lichtensteins und der Schweiz).

Eldonita de la Konstanta Komitato po la Libervola Help-Servo, Freiwilliger Hůlfsdienst, Postcheckkonto V. 9672, Basel. — 72 paĝoj, 15 × 25 cm. (Ilustrita). Prezo : 1.— sv. fr.

*Naŭlingva Elimologia Leksikono* de la lingvo Esperanto, de Louis BASTIEN. Eldonejo « Esperantista Voĉo », Jaslo. Pollando. 1927. — 250 paĝoj, 11 ½ sur 18 cm. — Prezo : 3.— sv. fr.

*Ĝoju ni !* Versoj kaj prozo en Esperanto por komencantoj ĉiulandaj. Aranĝita de *Profesoro Dr. J. J. Findlay.* 1928. The Grecc Publishing Company Ltd. Kern House, Kingsway, London. Havebla ĉe Brita Esperantista Asocio, 142, Migh Holborn, London

W.C.I. — 48 paĝoj, 12½×18 cm. — Prezo : 1 s.h (afranko : 2 d.).

*Pro Esperanto.* Resumen de la Gramatica y Vocabulario, *Ferd. Montserrat.* Iberia Esperanto-Servo, Villarroel 107, 2-0. 2-a, Barcelona. 1928. — 24 paĝoj, 11×16 cm. — Prezo ne notita.

*Ĉelsi i gjuhes Esperanto* (Albana) Sub gvidado de I.C.K. — 32 paĝoj, 7½×11 cm. — Prezo : 15 qd.

*Aelita aŭ La Marso formortanta.* Romano. *Alekseo Tolstoj.* El rusa lingvo tradukita de E. Pill. Illustrita de Geo Schmidt. 1928. Heroldo de Esperanto, Brüsseler Strasse, 94. Kőln (Germanujo). — 200 paĝoj, 14×20 cm. — Prezo : kart. 3,20 Ger. mk., tolbind. 4,80 Ger. mk.

*La Maro.* Ilustrita Biblioteko, IIa serio, ilustrita de Georg. Zimmer, titolbildoj de Jacinto Cornella. 13½×19½ cm. — No 6-7. Ix. *La Ŝipĉarpentisto.* Rakonto el la marista vivo Friedr. GERSTACHER. El germana lingvo tradukis Egucho. — 60 paĝoj. No 8. El « *Navigado estas necesa* » kaj aliaj rakontoj. Gorch Fock. El germana lingvo tradukis W. JARCZEWSKU. — 32 paĝoj. No 9. *Gudrun.* Rakonto laŭ la nezepoka germana eposo. *Teo Jung.* 40 paĝoj. No 10. *La kantataj ŝipoj* kaj alia rakonto.

*Allan Cunningham.* Heroldo de Esperanto. Brüsseler Strassa, 64. Kőln (Germanujo). Prezo : Unuopa numero 0,50 ger. mk. IIa serio (5 numeroj) 2 ger. mk. (bind. 3,60 ger. mk.)

---

## Neatendita vizito

*Anekdoto*

Belega aventuro okazis al juna deputito, kiu estas advokato. Iun matenon la deputito estis en sia labor-kabineto, kiam subite la sonorilo ektintis. Sendube iu kliento, influhava elektanto... Oni devas ilin miregigi. Dume la akceptistino anoncis al la deputito, ke iu sinjoro deziras paroli al li, li prenis la aŭdilon de la telefone kaj faris mienon de homo tre absorbita.

Distinga sinjoro eniras.

— Jes, sinjoro ministro ! diris la honorinda advokato ĉe la telefono, mi okupos min pri tiu ĉi afero tuj, kiam mi havos liberan minuton. Sed por la momento mi havas grandan kvanton da aktoj prilaborotaj. Je mia granda bedaŭro mi jam devis rifuzi mian helpon al la Grafo de Belle-Fontaine pro lia dispartiga afero. Tamen, kara sinjoro ministro, por vi mi faros la neeblan. — Kompreneble. — Ĝis revido !

Nia deputito alkroĉigas la aŭdilon kaj ridetante sin turnas al sia vizitanto, kiun li esperis esti trafe impresinta.

— Pardonu, sinjoro deputito. Mi estas la inspektoro de telefonoj. Vi sciigis nin, ke via aparato ne funkcias... Mi vidas, kontraŭe, ke ĝi bonege marŝas !

*El franca lingvo tradukis*
ROB. KREUZ, L. K.

---

Leganto, bonvolu korekti jenajn erarojn en la teksto « La leĝo de la milito » en Junia numero de *Esperanto*, paĝo 11 :

27a linio : Anst. Rapidiĝinta devas esti : rigidiĝinta.
31a linio : Anst. el tomba devas esti : transtomba.
Lasta linio : Anst. enfortigita devas esti : enforkiĝita.

---

 **SOCIA VIVO** 

# Moderna hejmo kaj meblaro

La ega plialtigo de la prezoj igas multajn urbanojn kontentiĝi per malpli da ĉambroj ol antaŭe. Tion ankaŭ akcelas la iom-post-ioma malapero de servistoj. Estis ja tempo, kiam la plej malgranda burĝo sin kredis malhonorigata se li ne povis dungi almenaŭ knabinon-servistinon por « savi la ŝajnon ».

Hodiaŭ multaj intelektaj geedzoj vivas tute sen ies servo aŭ eĉ helpo. Tiaokaze la edzino ne deziras suferi la tre lacigan prizorgadon kaj purigadon de vasta ĉambraro, kian la familia budĝeto cetere ne permesas. Tiam la hejmo reduktiĝas je minimuma nombro da ĉambroj.

Jam delonge la laboristaro konas tiun saman necesecon, sed neniu artisto interesiĝis pri iliaj hejmoj. Oni eltrovis novaĵojn nur por la luksaj loĝejoj de la riĉuloj. Depost kiam intelektuloj falis al malfacilaj ekonomiaj kondiĉoj, ili komencis interesiĝi al tiuj ĉi praktikaj demandoj por si mem. Iliaj bezonoj ofte renkontiĝis kun tiuj de la laboristoj. El tiu nova cirkonstanco naskiĝis novaj artoj kaj industrioj, dediĉataj al faciligo kaj simpligo de la materia flanko en la hejma vivado.

Ekzemple nun fabrikiĝas kaj disvendiĝas amase la elektraj spirbloviloj por forigi la polvon anstataŭ la ridinda balaado kaj puŝado de la polvo de unu loko al alia. Bedaŭrinde la profitemo da fabrikantoj ankoraŭ tenas la prezojn de tiuj maŝinetoj multe tro alte por ke ili vere populariĝu.

Malplikonataj, sed pli atingeblaj koste, estas tiuj mirindaj ligno-koloraj lakoj, per kiuj oni pentras la plankon. Tiamaniere dum tuta jaro ĝi brilas kvazaŭ freŝe vaksumita kaj frotita. Sur ĝi nek akvo, nek polvo lasas postsignon kaj la sinjorinoj ŝparas tiujn longajn tagojn de laciga frotado aŭ la elspezon por helpo tiucele.

En modernaj domoj venas la varmakvo rekte al kuirejo kaj faciligas la tedan lavadon de pladoj. En malnova domo, kie ankoraŭ ne ekzistas tiu lukso kaj ankaŭ ne la banĉambroj mi rimarkis banujon kun gas-hejtilo lokitan en la kuirejo. Supre, anstataŭ la kutima duŝilo, simpla kaŭĉuka tubo gvidas laŭvole la varman akvon al la lavujo kaj tiamaniere la vivo de l'edzino multe pliboniĝis.

Tre malgrandan hejmon, sed mirinde ĉarman, mi vizitis ĉe gekonatuloj, ambaŭ laborantaj for dum la tago. Krom kuirejo, banejo kaj ĉambreto por la filineto, ekzistas nur unu salono-biblioteko, bonguste aranĝita. Kie ili dormas? Nu, ili tiras tirkeston el dika meblo kaj jen granda lito etendiĝas, tute vasta kaj komforta.

Kie ili manĝas? Kompreneble en la kuirejo kutime. Tion faras pli kaj plu multaj homoj por simpligi aferojn. Cetere fariĝas malpli maloftaj la edzoj, scipovantaj rapide pretigi bongustan tagmanĝon dum la edzino prizorgas infanojn. Moroj kaj kutimoj ŝanĝas kun la vivkondiĉoj.

Siatempe al gefianĉoj ekŝajnis terura giganta afero, escepte al riĉuloj kompreneble — la aĉeto de la tuta necesa meblaro. Nuntempe la bongusto trovis faciligan vojon. En meblaj ekspozicioj estas videblaj ĉarmaj meblaroj, fabrikitaj el malkara abia ligno laŭ simplaj linioj, rektaj kaj graciaj. Estas ili pentritaj je sama koloro, ĉu blanka, ĉu blua, ĉu flava, ĉu roza kaj kreas helan agrabln atmosferon en la ĉambro.

Ilia prezo sumas dekonon kaj ilia beleco dekoblon de la pezaj polvkaptemaj imitaĵoj de malnovaj Ludovikaj stiloj. Kaj se iam la gusto ŝanĝiĝos, almenaŭ ne staros kapitalego sur la vojo al nova kaprico. Jam la koloron oni povas elekti aliaj por repentrado post dek jaroj !

Kurtenoj malaperas pli kaj pli. La lumon oni bonvenigas kaj eĉ eltrovis la novan vitron « vitra glas » por enlasi kun plena saniga valoro la sunradiojn. Malfeliĉe estas, ke ĝi ankoraŭ vendiĝas tro kare! La sola lukso daŭre necesa ŝajnas esti tapiŝoj. Tie industrio kaj arto povus progresi multe por solvi la problemon el la diversaj malfaciligaj elementoj: kosto, polvo, komforto, varmo k.t.p.

Multon la Okcidentanoj povas lerni de la Japanoj kondiĉe ke ili kutimiĝu sidi surplanke kiel niaj orientaj amikoj. Imagu al vi la gimnastikon ĉe te-invito kiam vi devus stariĝi por saluti ĉiun novan enirantan gaston. Sed kia profito kaj elastigo por la kruroj! Komencante de infanaĝo certe la afero ŝajnas tute natura kaj facila poste. Ankaŭ rilate al papertuko la Japanoj povas multe instrui. Ili mem fabrikas el papero tuketojn preskaŭ tiel belajn kaj solidajn kiel niaj el fadeno, kaj certe multe pli malkarajn. Post te-invito oni jetas ilin for anstataŭ havi la penon aŭ elspezon de lavado kaj flikado.

Pri siaj spertoj tiurilate kaj pri sia ŝparo je sidmebloj estus interese ricevi leteron aŭ artikolon de japana samideano.

La manĝadon oni ankaŭ simpligis multe en lasta tempo. Pri tio efikis vegetaranoj kun siaj ĉiuspecaj provoj kaj eksperimentoj. Eĉ inter tiuj, kiuj daŭre manĝas viandon, ili disvastigis almenaŭ parte sian tendencon. Multaj familioj ĉesigis tute kuiri viandon vespere kaj eĉ plurajn tagojn en semajno. Ankaŭ multaj interesiĝis je manĝado de nekuiritaj fruktoj aŭ legomoj.

Tamen pri tiu ĉi temo de nutrado regis ĝis nun multe tro da fantazio aŭ fanatikismo kaj nesufiĉe da serioza scienco. Estas ja hontinde ke ne ekzistas en ĉiuj universitatoj katedro pro dietetiko ebliganta serĉadon kaj studadon. Ĉu eble medicinistoj tion malhelpas timante, ke ĝi forigus de ili la vivgajnilon? Tamen restus ankoraŭ ĉe la homaro aliaj malsanoj krom pro manĝado.

En ĉiuj similaj aferoj pri hejma vivado kaj ĝia faciligado, ni restas ankoraŭ tro nacie enŝlositaj en niaj propraj tradicioj kaj preskaŭ tute ne uzas la spertojn de aliaj popoloj. Esperanto estas ja mirinda ilo por interŝanĝi utilajn spertojn. Kial ni ne uzas ĝin pli vaste ankaŭ sur tiu ĉi kampo?

SCIVOLULO.

---

# Naciismo kaj mondlingvo

*De Günther & Werner Simon.*

Certe internaciismo havas multajn rilatojn al mondlingvo. Eble oni nur dubas — kaj tion volas klarigi tiu ĉi artikolo — ĉu povas ekzisti harmonio inter naciismo kaj la mondlingva ideo. Unuavide oni verŝajne neos tian demandon pro jenaj du argumentoj:

Se oni ĉiam per nura uzado de la sama lingvo en la tuta mondo montras kaj akcentas, ke la homoj estas kunligataj, oni timas, ke la ideo « nacio » perdiĝos. Kaj tiel oni ankaŭ perdas la ofte tre valoran nacian kulturon, ĉar oni atakas la lingvon, kiu estas la ĉefa esprimilo kaj la grava faktoro de la kulturo.

La alia argumento bazas sur logikaj duboj. Ĉiuj internaciaj kontraktoj kaj ankaŭ la internacia juro validas ne por la unuopaj homoj de la diversaj nacioj, sed nur por la ŝtatoj mem. Ekzemple kontrakto inter Francujo kaj Anglujo ne ligas la unuopajn ŝtatanojn de tiuj ambaŭ nacioj, sed nur la franca leĝo ligas la francon, same kiel nur la angla leĝo valoras por la anglo. Por ke internacia kontrakto validu en la propra lando, Anglujo devas publikigi tiun kontrakton kiel anglan leĝon kaj Francujo sammaniere. La anoj de ŝtato estas nur kunligitaj per la leĝoj de ĝi. Ĉar ne ekzistas leĝoj por la tuta mondo kaj ne estas iu kontakto inter la unuopaj homoj de diversaj nacioj, internaciismo ne povas esti. Tial regas nur naciismo.

La penso pri mondlingvo estus do absurda, ĉar, se la homoj internacie ne estas kunligataj, ili ankaŭ ne bezonas komunan lingvon. Same la argumento, ke la internacia komerco nepre bezonas mondlingvon, ne sufiĉas. La neekzistado de oficiala mondlingvo ĝis hodiaŭ ne forigis la komercon. La komunikilo de la homoj povas nur esti la nacia lingvo.

La resumo de tiuj ĉi argumentoj estas: La mondlingvo, kiu volas krei internaciismon, detruas la kulturon kaj la ŝtaton; do, la ĉefajn fundamentojn de la naciismo.

Kontraŭ la ideo de nacia ŝtato, naciismo, ekzistas multaj argumentoj. Sed nia tasko konstati, ĉu la naciismo harmonias kun la mondlingvo.

La unua argumento estas facile refutebla. Ĉar la hodiaŭaj mondlingvaj projektoj volas nur esti helplingvoj, tio estas ja sufiĉe konata kaj detala diskuto ne estas necesa. Ankaŭ se la komerco ĝis nun ne bezonis mondlingvon, tamen internacia helplingvo multrilate plifaciligus ĝin.

Se ni pripensas la duan argumenton, ni unue devas konstati, ke oni ne demandis, ĉu la internaciismo estas ĝusta au malĝusta. Tio estas nepre necesa kaj se oni tion ne faras, on atingas tute malkorektan respondon al nia problemo. Sed unue ni devas klarigi, kion signifas la vorto « ĝusta ». Ĝusta estas tio, kio estas laŭ unu sola metodo ordigita. Sed nun ni devas demandi, laŭ kia metodo ĝi estas ordigita? ĉar temas pri homa volo, la taŭga mezurilo, laŭ kiu ni povas ordigi, estas sole *justeco*. Tiu ĉi estas la tendenco atingi harmonion de ĉiuj homaj agoj kaj tion volas la ĝusta internaciismo. Tial, kvankam laŭ la naciaj argumentoj internaciismo ne ekzistas aŭ ĝis nun ne jam ekzistas, ni povas tamen uzi ĝin por mezuri, ĉu naciismo starigas postulojn justajn aŭ maljustajn. Justaj estas la agoj, kiuj ne ĝenas la harmonion de la celoj de ĉiuj popoloj. Se ili estas ĝenantaj tiajn celojn, la agoj estas maljustaj kaj la naciismo de tiu ĉi popolo estas maljusta.

Tiaj pensoj nepre ne estas novaj. Ankaŭ W. Wilson subtenis tiajn ideojn. Kvankam li estis la kreinto de la Ligo de Nacioj, ĉiam kun granda fervoro li pledis por la memdecidrajto de la popoloj. Tio ne estas alia ol akcentado de la nacia ideo. La nacia ideo, t.e. ke la unuopa homo estas ligata al la tuta popolo. Tiu ligado estas firmigita ne per la raso kaj sango, sed per kulturo kaj leĝaro de tiu popolo. La leĝado estas ĉefe la konstitucio. Ankaŭ la Ligo de Nacioj ne volas doni konstitucion por la tuta mondo, t.e. ordoni al ĉiu unuopa homo, sed ĝi estas ligo de ŝtatoj. Tiel evidentiĝas, ke W. Wilson ne aprobis la internaciismon, ĉar la internaciismo volas kaj devas kunligi la homojn kiel individuojn. Ni ne aprobas internaciismon, ĉar ĝi detruas la valoran kulturon de la popoloj; tamen naciismo kaj justeco en la internacia vivo, t.e. ke ne nur la forto regas, devas kunesti. Tio estis ankaŭ la celo de la Ligo. Naciismo nur estas justa kaj aprobinda, se ĝi pripensas, ke la internacia komuneco de la popoloj estas la mezurilo de ĝiaj agoj.

La konkludoj por la mondlingvo estas facile fareblaj. Se la internacia vivo estas mezurilo por la agoj de justa naciismo, ankaŭ la rilatoj al mondlingvo estas klaraj. La naciismo ne povas permesi forlasi la propran lingvon, sed devas subteni mondlingvon, por uzi tian gravan psikologie valoran rimedon. Nur tiel povas senveneniĝi la internaciaj rilatoj kaj naskiĝi justeco inter la popoloj. Ĉar, se la homoj povas interkomproniĝi, siajn pensojn per la mondlingvo interŝanĝi kaj subteni unu la alian dum komuna laboro, tiam ankaŭ la ideo de reciproka konsilado, helpemo kaj intereso kaptos la animojn kaj tiel estiĝos la ebleco de justa celado al plenumo de la propraj esperoj kaj deziroj. Tiel la mondlingvo kreas ankaŭ la bazon de justa naciismo.

---

*Redakcia rimarko:* Al tiuj tre interesaj pripensaĵoj necesas aldoni rimarkon pri uzo de kelkaj vortoj. Ĉio dependas ĝuste de la senco, kiun oni donas al ĉiu esprimo. En la antaŭlasta paragrafo ŝajnas, ke la vorto « sennaciismo » pli taŭgus ol « internaciismo », ĉar la ideo de « inter » nenion entenas en si detruan aŭ negativan. Kompreneble la vorto fariĝas ne plu uzebla logike, se la homoj jam enmetis tiujn sencojn en ĝin per misuzado.

Simile la vorto naciismo ĝenerale alkaptis sencon de troa aŭ nura naci-vidpunkto egoista, sekve negativa kaj detrua al bonaj rilatoj kun ceteraj aŭ al starigo de pli supera komuneco.

Konklude pri tiu temo estus saĝe forlasi la kutimajn eluzitajn esprimojn kaj trovi novan veston por novaj ideoj, kiuj ĝin meritas.

## Aforismoj

(Proverbe uzeblaj)

*El paco trudita per dikto*
*elĝermas denova konflikto.*

*Fiero kaj stulto,*
*duopa rezulto.*

*Kiu trinkas tro da vino,*
*poste sentas ĝin en spino.*

*Barono restas ĉiam barono,*
*eĉ se flikita la pantalono.*

*Ne metu vian nazon*
*en ĉies ajn okazon.*

Franz Döring.

## NOTOJ

25 Jarojn Radio-disaŭdigoj. — La unua Radio-dissendo de muziko kaj paroloj okazis la 15an de Junio 1904. Je la 11a horo de tiu tago la juna aŭstria inĝeniero Otto Nussbaumer surprizis siajn profesorojn kaj amikojn en la Teknika Universitato de Graz (Aŭstrio) per sia invento, pri kiu li poste raportis en la Fizika Revuo sub la titolo : « Provoj por dissendi sonojn per elektraj ondoj ». Li certe tiam ne imagis, kian grandiozan evoluon liaj sukcesaj eksperimentoj, preparis al la tekniko de l'Radio. En Graz kaj en Salzburg kie la modesta inventisto vivas de post 1908, oni festis per solenaj kunsidoj kaj ovacioj la 25-jaran Radio-jubileon. *d* Wion-Radia 19-an de Junio disaŭdigis Esperanto-paroladon pri la gravaj inventoj de aŭstriaj kaj precipe stiriaj inĝenieroj kaj radio-fakuloj, kiuj decidige influis la rapidan evoluon de la radio-dissendado.

Ba.

*Altaj domoj en Usono.* — Laŭ jus-farita enketo, troviĝas nun en Usono 4,778 domoj havantaj altecon de dek etaĝoj aŭ pli. El tiuj, 377 domoj, dissemitaj en 36 diversaj urboj, havas 20 etaĝojn aŭ pli.

La ĉefaj plialtaj konstruaĵoj estas :

| | | |
|---|---|---|
| Metropolitan | New York | 50 etaĝoj |
| Irving Trust | » | 50 » |
| Lincoln | » | 52 » |
| Terminal turo | Cleveland | 52 » |
| Chanin | New York | 55 » |
| Woolworth | » | 58 » |
| Chrysler | » | 63 » |
| Manhattan | » | 65 » |

En Chicago oni nun konstruas domon ankoraŭ pli alta — la Crane domo, kun 75 etaĝoj kaj alteco de 880 futoj aŭ 268 m. La tuta luebla plank-areo en tiu ĉi domo estos 338,000 Kv. m. — D. E. P.

*Miksraso en Ekstrema Oriento.* — En Manĝurio kreiĝis nova homraso, kiu certe influos iam la rilatojn inter blankuloj kaj flavuloj. Tre ofte okazas edziĝoj inter ĉinoj kaj rusoj. Devigas al tio la ekonomiaj cirkonstancoj, kiuj kaŭzas ke kuniĝas la idoj de hela kaj de malhela rasoj, de la kaŭkaza kaj de la mongola. Pli ol 150.000 « blankaj rusoj » t.e. kontraŭbolŝevistoj kiuj ne povas aŭ ne volas reveni la patrolandon, vivas en la regionoj trairataj de la ĉina orienta fervojo. Pli ol 9/10 da ili, iam vidintaj pli belajn tagojn, vivas primitive kiel plej malriĉa klaso ĉina, laŭ eŭropa kompreno en nekredebla ekonomia stato. La deviga kunvivado kondukis al miksado de la raso, kiel oni ĝis nun, almenaŭ ne en historia tempo, povis konstati. Alproksimiĝante Ĥarbinon de sude, oni rimarkas tion, kion en Ameriko oni nomas « color line », la linion kiu disigas du rasojn. De malsupre de Ĉangĉun ĉe la sudmanĝuria fervojo oni vidas nur ĉinojn. En Ĉangĉun oni atingas la regionon de la nova raso, duone rusa kaj duone ĉina. Miloj da ĉinoj edziĝis kun rusaj virinoj. Statistiko pri la disvastiĝo de la nova raso ne ekzistas. Fremduloj kiuj dum jaroj vivas en Ĥarbino taksas, ke eble triono de la filinoj de rusaj ekzilitoj edziniĝis je ĉinoj. Laŭtakse ekzistas 50.000 ĝis 100.000 blankflavaj miksituloj en Norda Manĝurio. Jam hodiaŭ estas rekonebla simptomo de tiu ĉi rasmikso: La ŝanĝita situacio kaj konsidero flanke de la ĉinaj malsuperaj klasoj kontraŭ la blankuloj. Kiu venas el la efektiva Ĉinujo tuj konstatas la diferencon. En Norda Manĝurio vivis blankuloj dum jaroj en plej ekstrema mizero pri kies grado ni ne povas konsciiĝi. Ili miksiĝis kun la ĉinoj. Pro tio okazis ke nenie la ĉino vivas tiom intime kun la blankulo ol



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



# 21a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO BUDAPEST 1929

## Raporto

### Antaŭ-Kongreso en Wien

(sub la aŭspicioj de la I.C.K.)
30.7. — 2.8.29.

La 1 Aŭgusto matene (10 h.) okazis oficiala akcepto de la naciaj delegitoj ĉe la Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, S-ro W. Miklás, en ĉeesto de la Konfederacia kanceliero S-ro Streeruwitz kaj Direktoro Klastersky de la oficejo de l'prezidanto de la respubliko.

Tuj poste urba konsilanto S-ro Kokrda kaj Magistrata Konsilanto Asperger bonvenigis la kongresanojn en la belega salono de la urbdomo de Vieno.

*Solena inaŭguro de la Internacia Esperanto-Muzeo en Wien*
1. Aŭgusto 1929.

En ĉeesto de preskaŭ 600 personoj kaj proksimume 60 honorgastoj el la alta societo, diplomatio, politiko, registaro, eklezio, komerco kaj industrio, arto kaj scienco la Internacia Esperanto-Muzeo estis inaŭgurata en la impona kupolsalono de la belega palaco de la Nacia Biblioteko. En la unua vico de l' seĝoj prenis lokon S-ro W. Miklás, Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, S-ro Dro. Czermak, ministro de kulto kaj S-ro John Merchant, prezidanto de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, plie S-ro Reg. Konsilanto H. Steiner-Wien, la organizanto de la Antaŭ-Kongreso.

S-ro.D-ro. Jos. Bick, ĉefdirektoro de la Nacia Biblioteko kiel unua salutis la ĉeestantojn kaj esprimis sian ĝojon, ke la Nacia-Biblioteko povis doni lokon por la Esperanto-Muzeo. La definitiva loko ankoraŭ ne estas fiksita, sed la Nacia Biblioteko faros ĉion, por certigi indan ejon al tiu valora institucio. Li fine esprimas la esperon, ke la muzeo servu al pli intima kunagado de ĉiuj popoloj, pri kies kunhelpo por la muzeo li kalkulas.

La germanan paroladon flue kaj trafe tradukas S-ro W. Smital-Wien.

Post tio S-ro Reg. Konsilanto H. Steiner prenas la parolon por bonvenigi la fremdajn gastojn kaj doni mallongan superrigardon pri la ĝisnuna laboro de la Muzea Komitato. Dankante laŭnome al ĉiuj, kiuj bonvolis helpi al sukceso de la preparoj, li esprimas apartan komplimenton al la prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, kiu ne nur bonvolis preni sur sin la Honoran Protektorecon de la Muzeo, sed eĉ venis persone por inaŭguri la novan institucion. Li petas la prezidanton afable plenumi la solenan akton de l'inaŭguro.

Ĉiuj ĉeestantoj leviĝas, S-ro Steiner gvidas la prezidanton al la katedro, kiu faras la sekvantan paroladon en germana lingvo.

*Parolado de sro. W. Miklás, Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio.*

Sinjorinoj kaj sinjoroj,

el pli ol 30 landoj de la tuta tero vi, estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj kunvenis hodiaŭ ĉi-tie por amike diskuti pri taskoj kaj celoj de la Esperanto-Movado. La kiel eble plej granda disvastiĝo kaj la kiel plej eble ĝenerala rekono de genie eltrovita artefarita helplingvo estas certe dezirinda. Ĉar ĝi ja servu kiel valora interkomprenilo por homoj de ĉiuj nacioj. Plenumante tiun ĉi taskon Esperanto ne nur servas al la praktika kompreniĝo inter la popoloj, sed samtempe ankaŭ akcelas la interŝanĝon de spirita posedo de l'homaro, de ĝiaj ideoj kaj opinioj sur la kultura kaj ekonomia kampo. Ĉio, kio taŭgas por akceli la reciprokan komprenadon de la popoloj, ankaŭ la rimedo de facile lernebla kaj ĝenerale komprenebla lingvo estas varme salutinda. Certe ĉiu lingvo povas servi tiel por la malamo, kiel por la amo. La praktika sperto tamen instruas nin, ke la pli facila interkompreniĝo fakte servas multe pli al la paco ol al la batalo.

Tio ankaŭ estas la celo de la Esperanto-Movado, fariĝi bonvena rimedo por la paco de l' popoloj de la tuta tero. Nenion alian ankaŭ deziras Aŭstrio kaj pro tio vi estas kore bonvenantaj al ni en la ĉefurbo de nia respubliko Aŭstrio.



*S-ro Miklás, Prezidanto de l'Aŭstria Respubliko.*

Feliĉa antaŭsigno estas, ke la ĉefkunveno de via ĉi-jara antaŭkongreso okazas en ĉi-tiu pompa salono de l'Nacia Biblioteko de Aŭstrio. Ĉar tiu ĉi brila salono ne nur estas unika fonto de l'scio kaj de klereco ĝenerale, sed ankaŭ monumento pri la iama grandeco de Aŭstrio kaj de la spirita kaj artista kulturo de tiu ĉi lando. La Esperanto-Muzeo, kiun vi lokigis en tiun ĉi belegan ejon certe povos kalkuli pri la daŭra intereso de kleraj homoj de ĉiu rasoj, klasoj, regnoj kaj lingvoj. Kiel kolektejo ĝi estas certe destinita por ankoraŭ ludi gravan rolon en la spirita vivo de l'popoloj kaj vekos multajn amikojn por nia lando en ĉiuj partoj de la mondo. Plenumu ĝi la celon, kiun deziras trafi ĝia kreinto. Sed vin ĉiujn, kiuj venis al ni kiel karaj gastoj, mi salutas kore en la bela Vieno, en kiu vi sentu vin bone kaj diras al vi en la nomo de Aŭstrio koran bonvenon.

Dirante al niaj karaj gastoj koran bonvenon en Aŭstrio, mi deklaras la Internacian Esperanto-Muzeon malfermita!

La lasta frazo de la parolado, parolita en Esperanto instigis apartan aplaŭdon, kiu apenaŭ finis post la lerta traduko de sro. W. Smital.

F-ino Lydia Zamenhof post tio transdonis por la muzeo originalan manuskripton de Dro. Zamenhof el la jaro 1881,

kies lingvo ankoraŭ ne konkordas kun la formo de Esperanto, publikigita de la majstro. Ĝi estas provo de traduko de la dramo « La Rabistoj » de Schiller. Ŝi esprimas siajn bondezirojn kaj esperas, ke tiu relikvo renkontu en la muzeo nur al gajaj mienoj kaj afablaj rigardoj.

Nun leviĝas S-ro John Merchant, prezidanto de la Internacia Centra Komitato por fari la jenan respondparoladon :

*Parolado de S-ro. John Merchant, prezidanto de la Internacia Centra Komitato.*

Altestimata Sinjoro prezidanto,
estimata Sinjoro ĉefdirektoro,
karaj samideanoj,

en la nomo de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado mi deziras esprimi al Sinjoro prezidanto de la Respubliko Aŭstrio nian profundan dankon pro la neforgesebla, grandioza kaj serioza servo, kiun li hodiaŭ faris al nia movado. La vortoj, kiujn vi adresis al ni, Sinjoro prezidanto, fariĝos konataj kaj ne nur iros tra la gazetaro de Vieno aŭ Aŭstrio, ĉar vi parolis al la tuta mondo. Ni esperantistoj ripetas hejme, kion diris la ĉefo de Aŭstrio. Kaj ni esperantistoj ja posedas solaj la rimedon por forportigi per nia komuna lingvo kiajn ajn vortojn tra la tuta mondo. Ni aparte dankas al la ĉefdirektoro de la Nacia Biblioteko Sinjoro Dro. Bick. En sia parolado li menciis la suferojn de Aŭstrio dum la milito kaj poste. Estu vi, altestimata Sinjoro prezidanto kaj vi, Sinjoro ĉefdirektoro, konvinkitaj, ke per viaj belaj vortoj, kiujn vi eldiris hodiaŭ tie ĉi, vi gajnis milionojn da novaj koroj por via bela lando. Jam nun sufiĉa materialo venis al la Esperanto-Muzeo, kvankam nur po-gute. Samkiel la pluvo falas po-gute de l'ĉielo, samkiel la granda Danubo portas al la maro la grandajn akvokvantojn, tiel de nun certe venos al vi la esperanto-sendaĵoj el ĉiuj landoj. Kaj ni esperas, ke tiel post kelkaj jaroj eĉ via granda biblioteko ne sufiĉu por ĉion akcepti. Kaj ankaŭ tiam, kiam la esperanto-libroj estos atingintaj super-abundecon en la mondo, oni neniam forgesos la grandajn meritojn de la lando Aŭstrio, kiu unue komencis tiun ĉi kolekton. Pro tio mi petas vin, bonvolu sincere elvoki kun mi : Vivu Sinjoro prezidanto Miklás, vivu Sinjoro ĉefdirektoro Dro. Bick, vivu la respubliko Aŭstrio !

Granda kaj ripetita aplaŭdo sekvis al la bonkoraj vortoj de la prezidanto de l'I. C. K.

Sekvis al tio transdono de div. donacoj, nome la unua esperanto-flago de la la Universala Kongreso de Bulonjo, desegnita kaj subskribita de Dro. Zamenhof. Alportis ĝin Prof. Deligny-St. Omer en la nomo de gesinjoroj Sergeant en Boulogne. S-ro. Onnen en la nomo de la nederlanda esperantistaro transdonas portreton de D-ro. Zamenhof, pentritan de la ĉeestanta flandra pentristo de Maertelaere-Bentos el Gento. Oni vigle bondeziras la artiston pro la bela kreaĵo.

Polica prezidanto Schober-Vieno transdonigas tabelon, sur kiu estas reproduktitaj ĉiuj distingiloj de la policistaro de Vieno, parolanta fremdajn lingvojn.

La solenaĵo finas per salutparoloj de reprezentantoj esperantistaj de pli ol 30 nacioj, kiuj evidente impresas la ne-esperantistan publikon.

Prezidanto Miklás poste montrigas al si kelkajn objektojn de la ekspozicio kaj esprimas sian grandan kontentecon pri la tuta aranĝo.

Dum lia foriro la tuta ĉeestantaro faras al li longan kaj koran ovacion.

LA NUNA NUMERO
enhavas 32 paĝojn
LA VENONTA NUMERO
eliros je la 20a de Novembro.

# 21a Universala Kongreso de Esperanto.

## SOLENA MALFERMA KUNSIDO

la 3 Aŭgusto 1929 en la Pompa Festsalono de la Vigadô-Palaco (Reduto).

Hungaraj skoltoj staras spalire sur la ŝtuparoj, kiam la kongresanoj aliras la festsalonon. Brila iluminacio heligas la impresan vastan lokon. La podio estas simple, sed inde ornamita per la flagoj de Hungarlando, de l'ĉefurbo Budapesto kaj la Esperanto-flago. Proksime de la seĝoj de l'estraro staras la oficiala esperanto-standardo. Pleniĝas rapide la salono. Multa publiko aperas sur la galerioj. La lastalvenintoj devas resti aŭ en la apuda malgranda salono, alirigebla per forigo de vando, aŭ sur la ŝtuparoj.

Je la 20, 30 h eksonas kiel preludo la vigla hungara Rákóczy-marŝo. La skoltaro kun lancoj, portantaj hungaran aŭ esperantan flagojn enmarŝas kaj stariĝas antaŭ la podio. Dume la estraranoj, la LKK-anoj kaj aliaj reprezentantoj suriras la podion.

La orkestro ludas la hungaran himnon ; la kongresanaro starante aŭskultas ĝin.

Laŭ malnova tradicio la prezidinto de la antaŭa kongreso sro. *Frans Schoofs-Antverpeno* deklaras la kongreson malfermita. Kunportante ankoraŭ la memorojn pri la brila Dudeka, en la nomo de I.C.K. kaj L.K.K. li proponas por elekto la sekvantan kongres-estraron :

Prezidanto : S-ro Prof. J. Mihalik de Hernádszurdok,
Vicprezidantoj : S-ro Dro. L. Loránd, Budapesto
S-ro A. Behrendt, Berlino
S-ro. J. J. Boutwood, Londono
S-ro Ĉen, Singapuro
S-ro D-ro. C. Domingues, Rio de Janeiro
S-ro. T. F. Guéritte, Parizo
S-ro Prof. Jukl, Bratislava
Karlo, Princo de Svedujo
S-ro. Sakurata-Kioto
S-ro. Feliks Zamenhof, Varsovio
S-ro. Kolonelo Zylvestrief, Sofio
Konstanta Ĝen. Sekretario : S-ro Robert Kreuz, Ĝenevo
Ĝenerala sekretario : S-ro P. Tolnai, Budapeŝto
Sekretarioj : S-ro P. Balkanyi, S-ro Elek Tolnai — Budapeŝto
Vic-Sekretariino : S-ino E. Benczen-Székely, Budapeŝto
Asistantoj : S-ro J. Baghy, S-ro L. Kőkenyi, Sro. T. Kovács, Sro. Szász, Sro. Stef. Zőldy — Budapeŝto

La kongreso per aklamo kaj aplaŭdo akceptas tiun ĉi proponon.

*S-ro Prof. J. Mihalik de Hernádszurdok* transprenas la prezidon kaj en la nomo de la Loka Kongresa Komitato faras la sekvantan mallongan, sed koran alparolon :

Granda honoro estas por mi, saluti vin kaj paroli al vi en la solena momento de la malfermo. Mia elekto honoras ne sole min, sed pere de mia persono aŭkaŭ la Lokan Kongresan Komitaton, fervore laborintan por sukcesigi la kongreson. Mi dankas pro mia elekto kaj esperas, ke la rezultatoj de la kongreso estos bonegaj. Mi ne estas oratoro, sed nur simpla laboranto por la ideo de Esperanto. Per simplaj vortoj mi diru al vi : Bonvenon, miaj karaj esperantistaj gefratoj ! — Mi ĝojas, ke vi povas nun flankenĵeti la politikan kaj religian diversecon. La amo, kiu kondukis vin kaj nin ĉi tien, jam transpaŝas la familian kaj patrolandan amon kaj iras jam de homo al homo, de nacio al nacio.

Estu salutataj, karaj gefratoj ! Vivu la lingvo Esperanto !

Eksonas entuziasmaj vivu-krioj. La orkestro ludas la himnon « La Espero », kiun la tuta kongreso kunkantas starante.

Sub tondra kaj ripetita aplaŭdo stariĝas *J. Baghy-Budapeŝto*, la konata esperanto-poeto por imprese kaj profund-esprime deklami altsentan poemon :

*Al nova bordo.*

Post himnoflugo la orgen' silentas,
Sed koraj kordoj vibras plu solene...
Pri vojkomenco rememor' legendas,
Espero pri l'estont' nin regas plene.
Post jara drivo por ripoz', rigardo
Jen nia ŝip, atingis novan bordon...
Okuloj brilas, flirtas la standardo,
Kun Nova Sent' ni petas novan forton :

Ho Amo, vin ni vokas al la koro !
Nin superombru via bena graco
Dum inspiritaj horoj de l'laboro,
Dum la semad' de l'intergenta paco !
Sub sunkareso la semajo ĝermas...
Vi, nia sun', karesu koran humon !
La varmon ni en ni dankplene fermas
Por havi fruktojn : Belon, Bonon, Lumon.

Post halt' momenta kaj labor' finita
Ekiru nia ŝip' al nova bordo...
Tra ondoj, super rifoj saĝo spita
Direktu ĝin al certa bona sorto !
Okuloj brilu, flirtu la standardo,
Favora vent' ŝvelu ĝian velon
Admonu nin konstante kora ardo :
Gefratoj, ni atingos nian celon !

La tuta kongreso ripete aplaŭdas tondre la deklaminton, videble kortuŝitan. Kun la danko de l'kongreso al li la prezidanto ligas la saluton al la oficiala reprezentanto de la hungara registaro, ministeria konsilanto Barono Kazy el la ministeria prezidantejo.

*S-ro Min. Konsilanto Barono Kazy* salutas en la nomo de la hungara registaro. Li bedaŭras, ke li ne povas paroli en Esperanto, sed devas uzi la hungaran lingvon. La signifon de Esperanto li plene ekkonis. Li jam konatiĝis kun ĝiaj ĉefaj celoj. Kiel hungaro lin unuavice interesis el la literaturaĵoj tradukitaj aŭ originale skribitaj en Esperanto la traduko de la hungara majstroverko « Tragedio de l'Homo ». Laŭ lia opinio Esperanto plej taŭgas por la malgrandaj nacioj, kies ĝis nun kaŝitaj trezoroj pli kaj pli ekvidas la lumon.

S-ro P. Balkányi donis bonegan tradukon de tiu ĉi parolado

Sekvis poste la saluto de la reprezentanto de l'ĉefurbo Budapesto, *S-ro Vicurbestro Dro. Berczell*, kiu manifestis la simpation de la urbo por la Esperanto-Movado multe helpita de ĝi, kaj de *S-ino Réthey*, prezidantino de la Tutmonda Societo « Pro Hungaria » en la nomo de la hungaraj virinoj. S-ino Réthey parolis en flua, eleganta Esperanto kaj la kongreso danke aklamis ŝin pro tio. La salutojn de la reĝa hungara poŝtministerio esprimis la poŝtministro mem *S-ro Barono Solai*.

La prezidanto salutas post tio *D-ron Feliks* kaj *F-inon Lydia Zamenhof*, invitante ambaŭ eksidi ĉe la estrara tablo de la podio. La kongresanaro kvitancas tiun honorigon per plurfoja vigla aplaŭdo.

La parolo nun estas donata al la registaroj kaj aŭtoritatoj, kiuj estas oficiale reprezentitaj en la kongreso per speciala delegito :

*Registaroj :*

Aŭstrio : S-ro Grafo Calice
Brazilo : S-ro Advok. Dro. D. Domingues
Ĉeĥoslov. : Sro. Sup. Komisaro Dro. A. Pitlik
Germanlando : S-ro. Legacia sekr. Dro. Hellenthal por la Germ. Respubl. Registaro & la Prusa Ministerio por Scienco, Arto kaj Popol-Klerigo.
Ĥinujo : Sro. Ĉen
Liĥtenstejno : Sro. Rob. Kreuz
Michigan (U. S. A.) : S-ro. S. Jaffe
Nederlando : S-ro. Isbrűcker
Norvegujo : S-ro. Einar Schibbye
Rumanujo : S-ro. H. Fischer-Galat, por la Ministerio de Komerco kaj la Ministerio de Laboro kaj Sociala Zorgo
Saar-teritorio : S-ro. Kricker
Svislando : S-ro Konsulo Kienast

*Aŭtoritatoj :*

Internacia Labor-Oficejo de la Ligo de Nacioj, Genève : S-ro. C. C. Tarelli
Urbo de Budapest : Vicurbestro D-ro Berczell
Urbo de Bialystok : S-ro. J. Ŝapiro
Urbo de Saarbrűcken : D-ro. E. Mayer

*Hungaraj Korporacioj.*

Hungara Eksterlanda Societo : D-ro. Radiŝic
Hungarlanda Poŝta Muzika kaj Kultur-Societo : S-ro. ĉefkonsil. Dro. Birô
Nacia Asocio de Ofic-havantoj en Publika Servo : S-ro. ĉefkonsil. Stef. Nagy Molnár

La prezidanto S-ro J. de Mihalik tiam proponas en la nomo de la estraro sendi saluttelegramojn de la kongreso al la sekvantaj personoj : Hungara regnestro Admiralo Nik. Horthy, ĉefministro Grafo Bethlen, Arkiduko Francisko Jozefo, ĉefepiskopo Zichy, Grafo Klebelsberg, eksministro D-ro. Lukács. La kongreso akceptas la proponon kun aplaŭdo.

Varme kaj vigle aplaŭdite leviĝas S-ro. J. Merchant-Sheffield, prezidanto de I. C. K. por la tradicia kongresa saluto de la ĉefgvidanto de nia movado.

*Parolado de S-ro. John Merchant, Prezidanto de la I.C.K.*

Sinjoro Prezidanto,
Karaj gesamideanoj,

Kiel via nova prezidanto, ne de tiu ĉi kongreso, sed de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, mi deziras parte de la Komitato korege saluti vin kaj gratuli al vi pro la bonega komenco de tiu ĉi kongreso. Multaj el vi, samkiel mi mem, venis el landoj malproksimaj por invadi Hungarlandon. Sed ni ne venis kun glavoj eltirigitaj kaj kun armiloj minacantaj, sed kun feliĉeco en la koro, kun paco kaj amo (Aplaŭdo) kaj kelkaj eble eĉ kun multe da mono por pliriĉigi la enloĝantojn de ĉi-tiu bela lando (Rido). Ni venis tien ĉi pro tio, ke ni ĉiuj estas samideanoj.

Antaŭ ol mi foriris de mia hejmlando, mi legis kaj studis kelkajn verkojn, por ke mi povu pli bone kompreni la historion de l'hungara popolo. Legante tiun historion, mi bone ekvidis, ke vi havas la rajton esti fiera kaj brava popolo. En via historio mi legis pri glorindaj aferoj de via pasinteco, pri la gloro, kiun via malgranda lando gajnis sur la batalkampo. Pli admirinda ol ĝi tamen estas la gloro, kiun vi atingis sur la pacaj kampoj de l'arto, literaturo, teatro, muziko ktp. Kaj pro tio mi estas feliĉa povi saluti kaj bondeziri vin hodiaŭ. Sed mi ankaŭ komprenis iomete la dolorigajn min kortuŝantajn spertojn, kiun faris la hungara popolo, la suferojn, kiun vi devis elteni dum epoko de pli ol mil jaroj. Ĉar oni devas memori, ke ĉirkaŭ Hungarlando kuŝas multaj landoj. Kaj de tempo al tempo tra la jarcentoj la hungara popolo pro tio devis prepari sin por sin defendi kontraŭ neatenditaj atakoj. La historio de Hungarlando instruas nin esperantistojn, ke ni devas havi kuraĝon kaj paciencon. Tial, ke la hungaroj neniam perdis sian nacia karakteron, sian nacian spiriton, sian nacian reputacion, ĉiam estis kaj, mi esperas, ĉiam estos hungaroj. Ili instruas al ni paciencon kaj kuraĝon.

Estas kelkaj el vi, kiuj ĉeestis la lastan kongreson en Antverpeno. Vi certe memoras, ke je la komenco de la kongreso atmosfero de suspekto kaj malseriozeco regis kaj pendis super ĉiuj kunvenoj. Feliĉe ĉio bone foriris. Kaj ŝajnas al mi, karaj samideanoj, ke tiuj detaloj nun ne plu devas interesi nin, ke ni devas forlasi la altrudon

de suspekto de unu kontraŭ la alia. Ni devas havi fidon, fidon reciprokan.

Se oni rigardas la geografian karton de Eŭropo, oni vidas, ke Hungarujo estas preskaŭ la centro de la suda parto de l'kontinento kaj pro tio oni povas nomi Budapeston la koro de Eŭropo. Tamen hodiaŭ, Sinjoro prezidanto kaj karaj gesamideanoj, Budapest estas multe pli grava ol centro de Eŭropo, ĝi estas la centro de la tuta mondo. Ĉi-tie ni havas la reprezentantojn de preskaŭ ĉiuj civilizitaj popoloj, kuŝantaj apud la koro de l'tutmondo. En la jaro 1872 okazis 2 gravaj, imponaj historiaj okazintaĵoj. En tiu jaro la du partoj de Budapesto unuiĝis. Ankaŭ mi mem en tiu jaro aperis sur la tero. Jen simbolo, kiu montras al mi la parencecon de l'sorto ; mi mem naskiĝis sub la sama stelo. Kaj kiam mi mem la unuan fojon estas en tiu ĉi belega urbo, mi devas diri, ke tiu stelo, sub kiu mi naskiĝis estas brila stelo, la verda stelo de Esperanto.

Ni venis al Budapest, tiu koro en kiu vi jam montris al ni vian simpation, tiel bonege, afable akceptante nin, ke mi estas certa, ke post iom da tempo, ja post kelkaj tagoj, vi hungaroj, vi Budapeŝtanoj kiuj jam montris al vi vian tutan koron, plene amos nin.

Sed ne vi nur amas nin, ankaŭ la estraro de l'kongreso proponas al vi la amon de ĉiuj esperantistoj. Vi ĉiuj devas kunhelpi al ĝia efiko.

Ĉar, karaj samideanoj, la sukceso de nia movado ne dependas de la estraro, sed ĉefe de vi, de vi ĉiuj, t.e. la maljunaj kaj la junaj.

La sinjorino, kiu antaŭ kelkaj minutoj parolis al ni, ŝi jam faris sian devon. Kelkaj el vi, eble multaj el vi jam komencis la lernadon de Esperanto sub la lerta gvidado de nia amiko Pastro Ĉe. (Aplaŭdo). Vi jam faris la unuan paŝon. Daŭrigu tiel.

Nur unu frazon mi deziras ankoraŭ diri kaj ĝi rilatas al la hungara kamparanaro. Mi iomete aludis al la gloro de via lando, sed pli multe ol la gloro plaĉas al mi la simplaj kutimoj de la kamparanoj de tiu ĉi lando. Mi legis, ke kiam fraŭlino en via lando iĝas fianĉino, ŝi metas sur la fenestron kelkajn sukerpecojn, por dokumenti, ke feliĉo kaj dolĉeco jus eniris ŝian koron.

Mi esperas, ke vi montros per via ĝentileco, afablo, amindeco kaj gajeco al ĉiuj Budapestanoj, ke feliĉo kaj dolĉeco ankaŭ eniris vian koron. Ke la ĝojo kaj dolĉeco venas al ĉiuj homoj, kiam ili akceptis la donacon de nia neforgesebla majstro Dro. Zamenhof kaj fariĝis membroj de la granda familio tutmonda.

Laŭ stenografaĵo de Rob. Kreuz (Stolze-Schrey)

La simpla, tamen varma kaj entuziasma parolado de la prezidanto de I.C.K. vekas varman, rimarkindan aplaŭdon de la tuta kongresanaro.

*S-ro. Robert Kreuz* kiel konstanta ĝenerala sekretario laŭtlegas telegramon de Dro. Leono Zamenhof-Varsovio (Aplaŭdo) kaj tiam konigas la liston de la organizoj kaj korporacioj reprezentitaj en la kongreso.

*Listo de la Organizoj kaj Korporacioj reprezentitaj:*

Asocio de l'apotek-helpantoj, Barcelono
Ateneo Barcelono
Bahai-Centro, Ĝenevo
Bern-Lőtschberg-Fervojo, Berno
Edukista Federacio de Skotlando, Edinburgo
Internacia Foiro de Frankfurto a.M.
» » de Lyon
Internacio de kontraŭmilitistoj Londono
Internacio de l'PTT, Vieno
Internacia Pac-Oficejo, Ĝenevo
Kolegio de l'Advokataro de Barcelono
Komerca Asocio de Rio de Janeiro
Komerca Ĉambro Franca, Londono
Komerca Ĉambro Belga, Londono
Hungara Asocio por la Ligo de Nacioj, Budapest
Hungara Eksterlanda Societo, Budapest
Hungara Nacia Asocio de Ofic-havantoj en Publika Servo,
Hungara Sekcio de « Paneŭropo », Budapest
Komerca Ĉambro de Parizo
Komerca Gremio de Vieno
Nacia Instruista Unio, Londono
Paneŭropo, Vieno
Revuo « La Vendimia », Barcelono
Svisa Turisma Centro, Zűrich
Tutmonda Societo « Pro Hungaria », Budapest
Unio de l'Sciencaj-Teknikaj Asocioj, Berlino
Urba Pedagogia Seminario, Budapest
Urba Turisma Oficejo, Budapest

S-ro D-ro Sós kiel reprezentanto de Paneŭropo-Vieno transdonas la salutojn de tiu organizo al la kongreso.

Konforme al malnova tradicio nun sekvas la longa vico de l'salutoj de la reprezentantoj de l'div. landoj.

*Listo de l'parolintoj esperantistaj.*

Aŭstrio : S-ro Maier
Belgujo : S-ro Schoofs
Brazilo : S-ro Dro. Domingues
Britujo : Anglujo — S-ino Blaise
Skotlando — S-ino Nicol
Bulgarujo : S-ro Kolonelo Zylvestrief
Ĉeĥoslovakio : S-ino Hercigová por ĈAE
S-ro Bräuer por Germ. Ligo
Danlando : S-ino Blicher
Dancigo : F-ino Marquardt
Estonio : S-ino Lűbeck
Finlando : S-ino Tamminen
Francujo : S-ro Dubois
Germanujo : S-ro Behrendt
Hispanujo : S-ro Anglada
Ĥinujo : S-ro Ĉen
Italujo : S-ro Dro Canuto
Japanujo : S-ro Ŝindo
Jugoslavio : serbokroata lingvo : S-ro Crlenjak
slovena lingvo : S-ro. Jelenič
Latvio : S-ino Pirkst
Nederlando : S-ro Dufrenne
Norvegujo : S-ro Schibbye
Polujo : S-ro Prof. Bujwid
Rumanujo : F-ino Morariu
Saar-teritorio : S-ro Dro. Meyer
Svedujo : S-ro Einar Dahl
Svislando : S-ro Dro. Spielmann
Transvalo : S-ino Spero
Usono : S-ro Hamann

S-ro Hamann kunportis la cindron de samideano Klaĝin-New-York, subite mortinta dum esperanto-festo, kiu deziris esti enterigita en Budapest. Li kortuŝe parolas je lia memoro. La kunsido kondolence leviĝas.

Post danko al ĉiuj kongresanoj kaj gastoj de la vespero la prezidanto fermas la kunsidon kun bondeziroj por bona kongresa semajno.

Fino je la 23 h.

Je Dimanĉo la 4 Aŭgusto en ĉeesto de S-ino Isbrűcker-Hago, kiel reprezentantino de l'I.C.K. okazis la inaŭguro de standardo de l'Hungara Esperanto-Societo kaj en ĉeesto de S-ro J. Merchant, prezid. de l'I.C.K., la malkovro de marmortabulo en la Muzika Akademio je memoro de l'granda hungara scienculo Grafo Széchenyi.

La tabulo portas dulingve (hungare kaj esperanto) la sekvantan tekston :

> La XXIa Universala Kongreso de Esperanto al la memoro de Grafo Stefano Széchenyi. Internacian honoresprimon al la « plej granda hungaro », kiu pledis por kompilado de Internacia Lingvo en la Hungara Scienca Akademio la 27 novembro 1842.
> Budapest 1929 — 2 — 9 Aŭgusto.

## UNUA LABORKUNSIDO
### la 5 Aùgusto 1929 en la Malgranda Salono de l'Vigadó-Palaco

Komenciĝo : 9,15 h. : Prezidas : S-ro. Merchant, prez.I.C.K.

*Temo: Internacia Elparolado de Esperanto.*

La temo estas enkondukita per parolado de S-ro instruisto Krysta el Ĉeĥ. Teŝen, kiu ankaŭ donas skribajn ekzemplojn sur murtabulo.

S-ro. Krysta eliras de la 9a regulo de l'Fundamento de Esperanto, kiu diras : Ĉiu vorto estas legata tiel, kiel ĝi estas skribita.

Doninte la Zamenhofan elparolmanieron de la vokaloj, S-ro Krysta montras per granda aro da ekzemploj, ke en praktiko multajn konsonantojn oni ne ĉiam prononcas egale, kiel tion postulas la reguleco de nia lingvo. Kun multe pli da efiko oni tion ankaŭ faras rilate la vokalojn. La vortojn « mia », « kiel », « tio », « unua », « teorio » k.c. oni kutime prononcas : mija, kijel, tijo, unnúa, teŭrijo, t.e. oni enŝovas inter la apude starantaj vokaloj ankoraŭ alian sonon. Sed en aliaj vortoj kiel « sciigi », « neeble », « instruisto » k.c. oni tion ne faras. Oni ofte prononcas : kfin, kfitanco, kferko kaj skribas : kvin, kvitanco, kverko. S-ro. Krysta opinias, ke oni eble iam pro fideleco al la 9a regulo de l' Fundamento aliigos la ortografion de tiuj vortoj. Same estas pri la sonanta (siflanta) s. La vorton « sed », multaj, precipe germanoj, ankoraŭ elparolas « zed » aŭ « set ». Saksoj kaj aliaj germanoj intermiksas molajn kaj malmolajn konsonantojn, angloj ne atentas pri la klareco de l'vokaloj, hungaroj kaj ĉeĥoj tre ofte akcentas la unuan silabon.

Nia lingvo montru ankaŭ en sia prononcmaniero la regulecon, ne posedu nur kvazaŭ interbabiladon prononcon, sed ne malhavu ankaŭ klasikan elparoladon. Se ni volas, ke oni ĉie egale prononcu ĉiun literon, tiam estas necese adaptiĝi al tiu fakto en la senco de l'9a regulo.

S-ro. Krysta donas plurajn ekzemplojn pri modela elparolado kaj klarigas ilin sur la donita bazo.

Sekvas diskuto pri la temo.

S-ro. Teo Jung-Kőln observis similajn faktojn. Li ne tute konsentas pri la teorio de S-ro. Krysta kaj kredas, ke kompromisoj por elparolo estas necesaj. Oni ne povas sklave teni sin al la teoria regulo.

S-ro. Isbrűcker-Hago opinias, ke la teorio starigita de S-ro. Krysta estas absolute malĝusta. Li montras ekzemplojn por tio. Zamenhof faris ĝeneralan regulon, lasante la necesan liberecon. La eltrovo de la 5 vokaloj kiel normo, tute sufiĉa, estas geniaĵo de la majstro.

Ankaŭ *S-ro Warden, vicprezidanto de la Esperantista Akademio,* donante ekzemplojn de Zamenhofa elparolado kontraŭparolas la opinion de S-ro Krysta.

Pli vigle tion ankoraŭ faras *S-ro Behrendt-Berlin,* akcentante kaj montrante, ke S-ro Krysta mem ne parolas laŭ la teorio de li starigita. S-ro Behrendt parolis kun D-ro. Zamenhof mem pri la temo de elparolado kaj sekvante konsilon proponas, ke oni ne starigu teorion, sed uzu la lingvon praktike. Li kredas, ke estas vane perdi tempon pri teoriado. La praktiko mem montras kiel ni devas paroli. La elparolado de Esperanto en la buŝo de niaj konataj oratoroj jam estas internacie fiksita kaj ili estas imiteblaj de novuloj. Ni ankaŭ ne perdu tempon por tia diskuto en kongresoj.

*F-ino Lidja Zamenhof-Varsovio* ne konsentas kun S-ro Behrendt rilate la formeton de l' temo de la tagordo de niaj kongresoj. Ĝi opinias kontraŭe, ke precipe por novuloj kaj junaj esperantistoj tia diskuto povas esti utila kaj instrua. Ni dediĉu en ĉiu kongreso unu horon al la temo kun la celo pli kaj pli fiksi internacian norm-elparolon.

*S-ro Krysta* ricevante la finparolon, dankas pro la vigla diskuto. Ĝi montras spite la malsameco de opinioj, ke la temo vekis intereson. Nur tion atingi estis lia ĉefa celo. Li ankaŭ dankas al F-ino Lidja Zamenhof pro la propono farita kaj esperas, ke la kunsido ĝin akceptos.

*S-ro Merchant* esprimas la dankon de la kunveno al S-ro Krysta pro lia interesa klarigo. Li mem samopinias, ke tia klarigado povas alporti bonon al nespertuloj. Eĉ li mem tre multe profitas el la hodiaŭa kunsido kaj pro tio subtenas la sugeston, ke oni en ĉiu kongreso laŭeble dediĉu unu horon por paroli pri la sama afero.

La kunsido post tio kun plimulto akceptas la sugeston al ICK antaŭvidi en la programoj de universalaj kongresoj laŭeble unu horon por paroli pri la temo : Elparolado.

*2-a temo: Esperanto & Radio.*

Aludante pri la sufiĉe detala raporto pri Esperanto en Radio en la raporto de I.C.K. kaj de la Radio-Komisiono en la Kongresa Libro, *S-ro Rob. Kreuz* ĝen. sekr. de I.C.K. atentigas pri la graveco de tiu kampo. Li mem havas la impreson, ke nia samideanaro ankoraŭ tute ne sufiĉe okupas sin pri tiu propagando, kiu estas unu el la plej gravaj por Esperanto. La grandaj progresoj de nia laboro en granda grado estas ŝuldataj dum la lastaj jaroj al la propagando per Radio. — Tiu propagando ja ne estas facila. Ĝi faras sufiĉe da pretendoj al la propagandisto. Ni en ĝi ne nur dependas de la intereso aŭ bonvolo de la radio-stacioj, sed multparte ankaŭ de la publiko aŭdanta. Perfektaj propagandistoj sendube troviĝas tie, kie ĝis nun la esperanto radio-propagando ne estis interrompita. Kelkaloke dumtempe, aliloke oni tute kaj subite ĉesis la esperanto disaŭdigojn. Krom pure personaj motivoj, laŭ lia sperto en tiaj okazoj ofte la nesufiĉa rutino de niaj propagandistoj kaj kunlaborantoj estis kulpa. La sekreto de l' sukceso konsistas en tio ke la radio-propagandisto devas enpensiĝi en la interesojn de la koncerna radio-stacio. Li devas labori, kvazaŭ li mem dependus de la aŭdanta publiko. Tion oni povas nur atingi per bonaj rilatoj rektaj kun la koncerna direkcio atenta studo de la stacia programo, atento pri kritikoj al la stacio ktp. ktp. Kiel en ĉiuj aliaj sferoj ankaŭ en tiu kampo decidas nur la bonkvalita, zorgema laboro. S-ro Kreuz en la nomo de niaj oficialaj institucioj ankaŭ alvokas pri pli da disciplino en la radiokampo. Maltrafa letero aŭ eĉ karto (laŭ fama miskutimo de fervoruloj) povas en unu tago detrui, kion zorgema propagandisto surkonstruis dum pluraj monatoj. Ĝi povas eĉ havi katastrofan sekvon.

S-ro Kreuz esprimas sian bedaŭron, ke neniu el la radioaktivuloj povis veni al la kongreso por paroli pri la temo, kiel antaŭvidite en la programo. S-ro D-ro Dőhler Riesa, kiu ĉeestas la Pedagogian Kongreson en Ĝenevo pro trookupiteco redonis sian oficon al ICK. S-ro Jungfer, la programestro de la komisiono ne povas ĉeesti pro personaj kaŭzoj. S-ro Kreuz atentigas pri tio, ke la laboro de la Radio-Komisiono de I.C.K. faris bonegan laboron. Ni ŝuldas multegan dankon tiel al D-ro Dőhler, kiel al S-ro Jungfer pro tio, ke ili oferis tempon kaj monon el sia poŝo por labori efike kaj utile. Estas dezirinde, ke tiu laboro estu subtenata de personoj kapablaj pri tio. Ne estas honeste lasi la ŝarĝon nur sur la ŝultro de kelkaj personoj.

Ĉiuj eraroj farataj de ni en tiu kampo estas malhelpo al nia progreso. S-ro Kreuz dankas en nomo de I.C.K. al ĉiuj kunhelpantoj en la ĝisnuna laboro.

*S-ro Hanuschke-Berlin* kaj *S-ro Karsch-Dresden* rekomen-

21a Universala Kongreso de Eeperanto, Budapest 1929.



Parto de l' Kongresanaro.

(Kliŝo afable pruntedonita de Oomoto, Paris.)

das, ke oni ne skribu al stacio, se oni kritikas ion. Utilaj ŝajnas nur esti laŭdoj, kiam io por ni utila estas farita. Aliaj samideanoj proponas, ke oni nur skirbu al eksterlandaj stacioj.

*S-ro Behrendt-Berlin* ĝojas pri la trafa atentigo de S-ro Kreuz al div. problemoj en la radio-propagando. Li tute malkonsilas skribi al eksterlanda stacio, kiu starigas kurson de Esperanto (por enlandanoj) kaj karakterizas tion kiel sensencajon. Oni povas riski, ke pro tio oni ĉesigas la kurson, ĉar oni havas la impreson, ke temas pri organizita afero. Multe pli grava estas la laboro mem. Ni devas havi unuarangajn propagandistojn por Radio, por eviti malhelpojn, fuŝon, malsukceson. Ni helpu per starigo de esp. programoj, tiamaniere farante ion praktikan. Li pensas ekzemple pri organizo de Zamenhofa festo okaze de la naskiĝtago de Zamenhof, kiu povu okazi internacie. Se fakte oni skribas al iu stacio, enlandanoj tion nepre faru en la nacia lingvo kaj ne en Esperanto, ĉar tio ridindigas nin.

*F-ino Lidja Zamenhof-Varsovio* ne havas la vidpunkton de S-ro Behrendt. Ŝi kredas, ke ne estas facile diri, ĉu la sendado de gratuloj aŭ leteroj en Esperanto utilas aŭ ne. Kontraŭe ŝi opinias, ke estas grave, kiu skribas kaj kiamaniere.

S-ro Behrendt atentigas, ke evidente oni miskomprenis lin. Enlandanoj kompreneble povas skribi al la stacioj, sed ili tion nepre faru nacilingve

*S-ro Merchant-Sheffield* subtenas la vidpunkton de F-ino Zamenhof. En Anglujo tre impresis la leteroj ricevitaj de eksterlando (malpli la kartoj !) en granda kvanto. Fakte la voĉo de l'eksterlando estis multparte decida por la progreso de la esperanto-propagando en radio de Britujo. Li konsilas, ke oni sufiĉe frue diskonigu la tagon de la esperanto-disaŭdigo por ke spertuloj fakte povu ion entrepreni.

*S-ro Einar Dahl-Stockholm* principe estas je flanko de S-ro Behrendt.

Partoprenas en la diskuto ankoraŭ *S-ino Blicher-Kopenhago, S-ro Anglada-Barcelono, D-ro. Meyer-Saarbrücken*, demandante pri div. spertoj kaj deziroj.

*S-ro Rocamora-Barcelona* informas pri la bona efiko de la radio-propagando en Hispanujo, kiu precipe estis orientita kiel propagando por la propra lando.

*S-ro Kreuz* laŭtlegas la bondezir-telegramojn de Profesoro Cart, D-ro Edmond Privat, D-ro Leono Zamenhof, Gefratoj Adamo, Sofio kaj Ludoviko Zamenhof, kiujn la kunsido kvitancas per danka aplaŭdo.

*S-ro Behrendt-Berlin* rekomendas, ke la kunsido petu al I.C.K. sendi al la Berlina stacio gratul- kaj dankleteron en la nomo de la kongreso.

La rekomendo estas akceptata unuanime.

*S-ro Kreuz* petas, ke protokole estu esprimata la danko de la kongreso al D-ro. Döhler, al S-ro Jungfer kaj ĉiuj kunlaborantoj de la Radio-Komisiono pro la utila helpo, kiujn ĉiuj faris al nia ĝenerala propagando. (Akceptite.)

Post tiu interesa diskuto *la prezidanto* dankas al ĉiuj ĉeestantoj, kiuj volis interesiĝi pri la temo, esprimante la esperon, ke oni dediĉos tiun atenton al la radio-kampo, kiu estas necesa por sukcesigi nian lingvon.

*Diversaĵoj.*

Nun sekvas surprizo. *F-ino Glaser-Berlino* prezentas al la kongreso la premiitojn okaze de speciala kurso en Berlino : *S-inon Upman* kaj *F-inon Solländer*, kiuj gajnis senpagan kongresan vojaĝon. Ambaŭ alparolas la kongreson en tre flua kaj vere perfekta maniero, tiel pruvante, ke kun sufiĉaj intereso kaj energio oni povas atingi tute esceptan rezultaton en la studo de Esperanto post nur 3 monatoj.

*La prezidanto* gratulas kore al la premiitoj, al la instruantino kaj la Berlina Grupo pro tia rezultato.

S-ro Behrendt-Berlin kiel prezidanto de GEA dankas al la kongreso pro la simpati-esprimo al la premiitoj.

*S-ro Kreuz* atentigas pri ĵus aperinta grafika karto pri la Ligo de Nacioj, kiuj krom teksto en franca kaj angla lingvoj, havas tradukon en Esperanto. La eldoninto Prof. D-ro. Teich-Saarbrücken konkerita al nia ideo dum la konferenco de Praha) estas preta aperigi eldonojn en aliaj lingvoj kun Esperanto, se prezentiĝas ia ebleco disvendi la karton. Interesitoj sin turnu al la sekretariejo de I.C.K.

Fino : 11,45 h.

Je la sama tago, vespere je la 18a, horo okazis oficiala akcepto de la ĉefreprezentantoj de nia movado en la luksa hotelo Gellert en la nomo de la Urbestraro de Budapest.

## DUA LABORKUNSIDO

*la 7 Aŭgusto 1929 en la Malgranda Salono de l' Vigadó-Palaco*

Komenciĝo : 9,30 h.

Prezidas : S-ro. Merchant Prez. de I.C.K.

S-ro Merchant malfermas la kunsidon, deklarante, ke estas lia principo komenci la diskutojn precize je la fiksita horo. Pro tio tamen, ke, eble sekve de la hieraŭa balo multaj personoj malfruiĝis, li atendis pri la malfermo de la kunsido. Li proponas, ke estonte la kunsidoj okazu pli malfrue, ĉar montriĝis, ke je la 9a h. evidente nur malmultaj samideanoj ĉeestas precizatempe. La pli malfrua alveno tamen tre ĝenas la kunsidojn. — Li ankaŭ preferas, ke escepte la hodiaŭa ĉeftemo estu pritraktata nur post priparolo de div. malgrandaj aferoj.

*S-ro Onnen-Hago* sugestas, ke la kongreso sendu bondezirtelegramojn al la ĵus okazanta Ripar-Konferenco en Hago por tie konigi la esperanto-movadon. Li havas la impreson, ke tio estus utila propagando. Li mem estas preta fari donacon por kovri la elspezojn.

Akceptite .

*Temo: Esperanto-tradukado en internaciaj konferencoj.*

La *prezidanto* donas la parolon pri tio al sperta fakulo *S-ro Robert Kreuz*, Ĝenevo.

La deziro kaj unu el niaj ĉefceloj estas, ke en internaciaj, multlingvaj konferencoj Esperanto estu la sola aŭ unu el la traduklingvoj. Pri tiu dezirindeco jam atentigis unu el niaj plej spertaj gvidantoj kaj fakuloj en tiu kampo, D-ro Privat. Se morgaŭ matene tamen, diras S-ro Kreuz, oni petus al nia centro indiki la nomojn de perfektaj tradukistoj por 2 aŭ 3 internaciaj konferencoj, ni certe estus en granda embaraso. Ni ja posedas tiajn spertulojn. Sed ni ofte ne konas ilin, kiel entute ni ofte ne konas multajn el niaj plej bonaj fortoj, ĉar la granda esperantista amaso ankoraŭ tute ne familiariĝis kun la tre grava principo, ke nia praktika propagando devas esti tiel publika, ke oni vidas kaj konas ĝin.

Por esti tradukisto ne sufiĉas nur bonega scio de nia lingvo. Ni havas armeon da bonegaj uzantoj de nia lingvo. La plej grava punkto estas la teknika flanko. Necesas, ke ni turnu nian atenton al instruado de tiu tekniko. Rutinon oni kompreneble povas akiri nur per praktika laboro, sed kiel ĉiu praktiko bazas unue sur teoria ekkono, ankaŭ por tiu celo ni povas prepari niajn homojn.

La ĉefa celo de traduko estas peradi la ideojn, la enhavon de parolado. Oni ne devas « glui » je la vortoj de la oratoro. Ili estas nur la vestaĵo de la parolado. Sekve de tio la tradukado postulas unue koncentriĝon, cetere sufiĉe grandan, por kapti la tutan enhavon. La dua parto estas la vortelekto mem. La cerbo de tradukisto image devas aspekti kiel

sliparo kun pretaj formuloj, esprimoj, vortoj, kiujn la tradukisto fulmorapide eltiras por kunmeti sian tradukon. Tradukisto devas ellerni la manipuladon per tiu sliparo, ĉar evidente tre rapide ĝi devas esti uzata. De lia traduko plej ofte dependas la efiko de parolado. Li do devas ankaŭ esti oratoro, kiu neniam estas en embaraso kaj firme staras je sia posteno. Tiuj 3 detaloj estas la premiso por sukcesa tradukado.

Ideala procedo estas, se la tradukanto posedas antaŭe manuskripton, kiun li povas uzi por sin prepari aŭ kiun li simple tradukas trankvile. En la praktiko pro div. motivoj tiu stato ne ekzistas. En diskut-paroladoj ĝi eĉ ne estas ebla. La diskutoj okazas plej ofte sen ia preparo, tute spontanee. Eĉ paroladistoj, posedantaj preparitan manuskripton « perdas la fadenon » aŭ pro alia kaŭzo ne parolas laŭ la manuskripto.

Sekve de tio tradukisto devas noti la enhavon de parolado. Ekzistas du eblecoj por tio, postskribo per stenografio, fiksado per « notvortoj ». La unua procedo havas malavantaĝon, ke la tradukisto notas multe tro, ĉiun balaston kaj eĉ la erarojn de la oratoro. La dua estas la sole taŭga maniero, kiun ankaŭ la tradukistoj en la Ligo de Nacioj uzadas, kie oni ja havas treege malfacilajn temojn por pritraktado. Nenio malhelpas, ke la notvortojn oni stenografu. Ankaŭ S-ro Kreuz uzas tiun sistemon. Li momente ankoraŭ fiksas la notvortojn plejparte per ordinara skribo, sed li ekzercas ankaŭ por tion estonte fari en stenografio, gajnante tempon kaj faciligante al si la laboron.

La tradukadon de parolado li preferas laŭsperte seninterrompe. La atingebla maksimumo de seninterrompa traduko laŭ lia sperto estas unu horo. La tempo varias laŭ la malfacileco de l'temo. Por malfacilaj teknikaj tradukoj la traduko en partoj estas faciligo al la tradukisto. Kompreneble la tradukisto devas sufiĉe koni la kampon, pri kiu temas la parolado. El tio rezultas, ke tradukisto devas havi tre grandan ĝeneralan konon. Sed ekzistas limoj en ĉio. Tradukisto pri medicina temo ne povos samfacile, ofte eĉ tute ne traduki temon pri kemio a.s.

Eble estas surprizo sciiĝi, ke traduko el Esperanto en nacian lingvon estas malpli facila ol inversa tradukado. Tiu fenomeno havas sian kaŭzon en la facileco de Esperanto. Ĉe nacilingva traduko, ekzemple el franca lingvo en germanan, la parolanto ne faris la saman sperton.

Kiamaniere ni povas prepari niajn tradukistojn ? Kiel dirite la bazo estas profunda kono de nia lingvo. Per regulaj liberaj paroladoj oni perfektigas la parolkapablon. Poste oni devas komenci la tradukon de facilaj tekstoj kaj daŭrigi tion laŭgrade. Ne povas temi pri literaturaj tradukoj, ĉar ili necesigas absolute precizan esprimadon kaj estas tro nuancoriĉaj. La lingvo de l'vivo, de la praktiko senteble diferenciĝas de la skribita lingvo. Parolado ne estas libro. La praktikado iom post iom kondukas al perfekteco, kiu certe estas relativa afero. Tradukisto devas multe legi. Enprofundiĝo en nian gazetaron kaj literaturon, per kiu li per sento absorbas la spiriton de nia lingvo estas taŭgaj kaj preskaŭ solaj helpiloj. Skriba ekzercado estas necesa, korektado kaj kritiko reciproka absolute bezonaj por progresi. Ke tradukisto devas studi kaj kompari vortarojn, atente observi ilian enhavon, tradukmanieron kaj vortmaterialon estas nur menciate.

La paroladanto ankoraŭ klarigas aron da teknikaj procedoj sur bazo de demandofolio de la Universitato de Ĝenevo, ĉe kiu oni intencas fondi sekcion por tradukado praktika. Notinda estas la konstato, ke laŭ ricevita kompetenta informo la plimultaj tradukistoj perfektaj estas homoj el praktika kariero, do ĝenerale ne-universitate aŭ akademie edukitaj.

Konkludo kaj rekomendo lia estas, ke nia movado kaj precipe la gvidantaj instancoj devas zorgi pri kreado de perfektaj tradukistoj, por ke ni estu pretaj kaj povu jam nun iom post iom enpenetri en tiun sferon, kiu estos unu el la plej grandaj agadkampoj de nia lingvo en estonto. Li mem jam meditis, kiamaniere ni povus internacie, ekzemple en niaj mondkongresoj prepari tiun ĉi kampon. Sed lia esplorado ankoraŭ ne finiĝis. Proponoj estas salutindaj.

Riĉa aplaŭdo sekvis al tiu parolado laŭ enhavo kaj lingvo rimarkinda.

*S-ro Konsulo v. Frenckell-Dresden* gratulas la parolinton kaj akcentas, ke la pritraktita problemo estas unu el la plej gravaj. Eventuale estas pripensinde interligi la aferon kun la Somera Universitato. Li rekomendas, ke por la proksima kongreso ni antaŭvidu tian praktikan demonstracion, al kiu ni povos inviti konsulojn, oficialajn instituciojn, ambasadorojn k. c.

*S-ro Behrendt-Berlin* bondeziras al S-ro Kreuz kaj substrekas, ke la parolado tuŝis unu el la plej gravaj aferoj. Li mem havas sperton en tiu kampo kaj faris praktikan demonstracion en Budapest per parolado al poŝtfakistoj, kiu okulfrape havas bonegan sukceson. Ĝi precipe impresis superajn oficistojn de l'PTT-servo. Nur per tia elmontrado de la kvalitoj de Esperanto ni povas progresi pli rapide.

*D-ro Sós-Vieno* raportas pri sia sperto kiel librotradukisto kaj diras, ke en tiu kampo mankas ankoraŭ multe. Li rekomendas, ke oni reciproke tralegu verkajojn por eviti naciismojn kaj aliajn mankojn.

*S-ro Rocamora-Barcelona* proponas, ke dum la universalaj kongresoj ni organizu diskutojn pri gramatiko kaj elparolo por helpi al tiu ĉi intenco.

*S-ro Prof. O. Bujwid-Kraków* raportas pri siaj spertoj en internaciaj kongresoj kaj pri la mizero de malkompreniĝo en tiaj aranĝoj. Li kredas, ke ni devos speciale propagandi tiun ideon inter anoj de tielnomataj malgrandaj lingvoj, kiuj nun ne estas eĉ allasitaj en internaciaj konferencoj kaj praktike ne allaseblaj, ĉar tio pligrandigus la ĥaoson.

Li ankaŭ atentigas pri la neceseco nin konvene montri en praktika senco al registaroj kaj influhavaj personoj, kiel tio ĵus okazis tre utile kaj eksterordinare trafe en Vieno.

*S-ro Kreuz* respondas al D-ro Sós, ke ni jam havas sufiĉe grandan nombron da tradukistoj literaturaj k.c., kiuj estas konataj. Tie ĉi temas pri liberaj tradukistoj por konferencoj kaj kongresoj, por kiuj tute aliaj premisoj ekzistas.

Pri kelkaj detaloj partoprenas en la diskuto ankoraŭ S-roj Hoen-Kőln (rilate stenografion), Bräuer-Langenau, Anglada-Barcelona-.

La tagordo estas elĉerpita. Sekvas ankoraŭ kelkaj diversajoj.

La germanaj reprezentantoj laŭ sugesto de S-ino Behrendt-Berlin proponas, ke deputacio deponu florkronon en la nomo de la kongreso sur la tombo de l'nekonata soldato. La rubando portu dulingve la sekvantan enskribon (hungare kaj Esperante) :

*«La 21a Universala Kongreso de Esperanto al a memoro de herooj »*

La propono estas unuanime akceptita.

La *prezidanto S-ro Merchant* salutas la hodiaŭ alvenintan reprezentantinon de la National Union of Teachers (Nacia Instruista Unio) *S-inon Manning*, kiu venis kiel oficiala delegitino kaj observantino al la kongreso.

*S-ro Kreuz* laŭtlegas skriban proponon de S-roj Anglada

kaj Rocamora, ke estonte la kongresraporto enhavu laŭlandajn raportojn pri la progreso de Esperanto kaj respondas al tio, ke sen aktiva helpo de ĉiuj samideanoj kaj precipe de la naciaj societoj tiu ideo ne estas efektivigebla. ICK mem jam preparis tion sensukcese.

*S-ro Behrendt Berlin* invitas la germanajn kongresanojn al vespera kunveno ĉe la germana kolonio de Budapest.

Post danko al la ĉefparolinto de la kunveno S-ro Kreuz, ke spite de lia granda okupiteco en la kongreso profitigis la kongresanojn el siaj spertoj, la prezidanto *S-ro Merchant* fermas la kunsidon.

Fino : 11,15 h.

Tuj poste okazis aparte kunvokita kunveno de UEA. Pro tio la Laborkunsido estis malfermata iom pli frue.

## TRIA ĜENERALA LABORKUNSIDO

*la 8 Aŭgusto 1929 en la Malgranda Salono de l'Vigadó-Palaco*

Komenciĝo : 9,15 h. Prezidas : S-ro J. Merchant, Prez.

*Oficialaj raportoj*

*Solena transdono de la honormedaloj de l'I.C.K.*

*S-ro Merchant* malfermas la kunsidon kun la rimarko, ke la labor-kunsidoj laŭŝajne ne trovas tiun atenton, kiun ili meritas. Li jam proponis, ke estonte la kunsidoj komenciĝu iom pli malfrue, sed estas nepre necese, ke la kongresanoj ankaŭ ĉeestu la kunvenojn, kiuj ja estas grava parto kaj celo de nia kunestado.

Enkondukante la oficialajn raportojn li priskribas la kunagadon en ICK kaj la teknikon kun la sekretariejo. Neniu eksterulo havas imagon, kiom varia estas la laboro kaj kiom multe ĝi disbranĉiĝas en plej diversajn sferojn. Tiu laboro postulas penadon, grandan atenton kaj amon al la afero. Sed necesas ankaŭ la kunlaboro de ĉiuj esperantistoj por sukcesi.

*S-ro Kreuz, ĝenerala sekretario de I.C.K.* post tio donas plej div. komentarojn al la oficiala raporto presita en la Kongresa Libro, kiuj estas pli-malpli preseblaj pro sia speciala karaktero. Ili tuŝas la Deklaracion de ICK pri neŭtraleco, la decidon de la sudslava fervojaro pri Esperanto en vagonoj, parolantan filmo, kunlaboro kun la instruistaro kaj TAGE, internaciajn konferencojn kaj kongresojn, poŝton kaj telegrafion, kasaferojn. Li estas feliĉa anonci, ke en la jaro 1928-29, financa je la kongreso, ICK povis malaperigi la malnovan deficiton kaj eĉ fermi sian kontaron kun malgranda pluso. (Aplaŭdo).

*S-ro Merchant* aldonas, ke tiu rezultato estas tre kontentiga, sed ke necesas daŭre helpi al la laboroj de I.C.K. por certigi al ĝia sekretariejo regulan marŝon.

*S-ro Kreuz,* kiu estas oficiale delegita de la registaro de l'Princlando Liĥtenstejno, sciigas, ke la registaro, de tiu malgranda, sed sendependa ŝtato en la koro de Eŭropo decidis apliki Esperanton per eldono de oficialaj poŝtkartoj kun bildo de la lando kaj tekstoj en la lingvo germana kaj esperanta. (Aplaŭdo). La registaro de Liĥtenstejno estas tre simpatia al Esperanto kaj certe ankaŭ utiligos nian lingvon por turisma propagando. La registaro informis lin telegrafe pri la decido. Detalojn ICK ankoraŭ publikigos.

Li estas speciale komisiita transdoni al la kongreso la salutojn de la registaro, kiu per la unuafoja reprezentado en niaj universalaj kongresoj dokumentas sian intereson pri nia lingvo. Ĝuste por malgrandaj landoj, aŭ malhelpataj tiel per sia situacio, aŭ pro nedisvastiĝeco de sia nacia lingvo, rekte partopreni en la internaciaj vivo kaj trafiko, Esperanto estas valorega helpilo. ICK jam bondeziris telegrafe la registaron pro la larĝvida decido. S-ro Kreuz petas, ke la tuta esperantistaro per helpo al la estonta oficiala uzo de Esperanto en la Princlando Liĥtenstejno montru sian rekonon kaj intereson pri tiu imitinda helpo.

*S-ro Merchant,* gratulante pro tiu sukceso, persone atingita de S-ro Kreuz diras : Ni ne povas fini la raportadon, ne memorante hodiaŭ pri la utila, valora, oferema kaj sindona agado de ĉiuj niaj grandaj pioniroj. El la vico elstaras precipe kvar nomoj, konataj en la tuta esperanto-mondo, tiuj de Generalo Sebert, Prof. Th. Cart, D-ro Privat kaj S-ro Warden. (Vigla aplaŭdo). El ili ĉeestas nian kongreson nur S-ro Warden, la fidela vizitanto de multaj universalaj kongresoj. La Internacia Centra Komitato jus kreis specialan honormedalon por distingi niajn pionirojn. Mi ĝojas anonci, ke ICK interkonsente kun la Ĝenerala Estraro decidis honorigi la 4 samideanojn per transdono de tiu medalo.

Kun koregaj kaj amikaj vortoj li transdonas la medalon al S-ro Warden, al kiu li longe kaj firme premas la manon por esprimi la dankon de la tuta esperantistaro. Li sincere bedaŭras, ke ne ĉeestas la aliaj 3 samideanoj, por ke ankaŭ ili povus esti publike honorigataj.

*S-ro Warden-Edinburgo* tre kortuŝite kaj emociigite esprimas sian surprizon kaj sinceran dankon pro la neatendita honorigo. Li mencias sub aplaŭdo de la kongresanoj, ke el 21 universalaj kongresoj li ĉeestis 20 kaj ket iel montrante sian intereson pri ĉiuj niaj laboroj kredis nur plenumi la devon de fidela servanto al nia movado. Lian dankon al la oficialaj institucioj de la movado, kiuj decidis lin honorigi li interligas kun la persona danko al S-ro Merchant pro tiu manifestado de vera amikeco.

Post tio prenas la parolon *S-ro Schoofs, sekretario-kasisto de KR* por mallonge raporti pri la agado de KR, *S-ro Warden, vicprezidanto de la Akademio,* por raporto pri la laboroj de la Akademio kaj de l'Lingva Komitato kaj *S-ro Stettler* por skizi la laborojn kaj intencojn de UEA.

La demandon de la *prezidanto* pri aprobo de la oficialaj raportoj la kunsido kvitancas per konsenta aplaŭdo.

Fino : 11,35 h.

*Ferma Kunsido*

Komenciĝo : 1, 95 h.

*S-ro Merchant* prezidanto de I.C.K. ekstaras por esprimi la dankon de la tuta kongreso al la Budapeŝtanoj. Kiam ni foriris de nia hejmo, li diras, ni estis certaj trovi bonan akcepton en via urbo, sed la akcepton, kiun vi faris al ni superas niajn atendojn. Mi emas diri, ke la Budapeŝtanoj staras je la supro de afableco kaj komplezemo. Mi informiĝis ĉe ĉiuj kongresanoj, riĉaj, malriĉaj, blinduloj kaj laboristoj. Ĉiuj esprimis sian kontentecon pri la bela aranĝo. Ni mem ĝojas pri la bona laboro, kiun vi faris tie ĉi. Tiam li turnas sin al la prezidanto de la Kongreso S-ro Jozefo de Mihalik por diri al li koran dankon pro lia aparta helpado. Li adresas sian dankon ankaŭ al la tuta LKK, el kiuj li aparte mencias la fratojn S-roj Tolnai kaj S-ron Baghy. Same al la kantistoj, muzikistoj, kaj ĉiuj aliaj, kiuj kunhelpis por sukcesigi ĉion.

Fine li esprimas la koran dankon al ĉiuj kunlaborantoj en la oficialaj institucioj al la membroj de I.C.K. kaj al la oficistoj de nia movado. Li diras : Antaŭ unu jaro la prezidanto de ICK nia estimata D-ro Privat pro malsano eksiĝis el sia posteno kiel prezidanto de UEA kaj de I.C.K. S-ro Stettler prenis sur sin la ŝarĝon esti prezidanto de UEA. Min oni devigis akcepti la postenon de prezidanto de l'ICK. Mi klopodis lerni por mia posteno por kontentigi vin ĉiujn. Mi ne scias, ĉu mi sukcesis pri tio. Koregan dankon mi ŝuldas al nia senlaca ĝenerala sekretario S-ro Kreuz, kiu



*Grafo Stefano Bethlen*
*Ministro-prezidanto - Protektanto.*



*Arkiduko Francisko Jozefo*
*Protektanto.*



*Grafo Julio Zichy, ĉefepiskopo*
*Protektanto.*



*21a Universala Kongreso de Esperanto, Budapeŝto 1929. Grupo de kongresanoj en naciaj kostumoj.*



*D-ro Georgo Lukács*
*Eksministro - protektanto.*



*Jozefo Mihalik de Hernádszurdok*
*Kongresa prezidanto.*



*D-ro Samuelo Patai*
*Registara konsilanto - protektanto.*

sindone kaj serveme min instruis pri ĉio. Mi scias tute bone, ke S-ro Kreuz fakte gvidas la aferojn en la centro (Aplaŭdo), sed fide kaj volonte mi submetiĝas al lia povo kaj granda sperto. Ni kunagadas en plena fido reciproka kaj mi klopodos daŭrigi sur tiu bazo ankaŭ en estonto. Por tio mi ankaŭ devas havi la esprimon de *via* fido (Aplaŭdego). Mi dankas pro tiu esprimo, laŭ mia tuta povo mi laboros ĉiam por Esperanto. Mi deziras, ke nia celo estu pli kaj pli proksima. Por ĝin atingi mi iros la rektan vojon kaj mi ne lasos min deflankigi.

*S-ro J. de Mihalik*, prezidanto de la Kongreso respondas kun dankesprimo pro la simpatiaj vortoj de l'prezidanto de ICK. Li diras: ni estas feliĉaj, ke la kongreso plene sukcesis kaj estis bona kaj bela. La danko, kiun vi esprimis, ne apartenas nur al ni melbroj de la LKK, sed ankaŭ al ĉiuj kongresanoj, kiuj per sia veno certigis la sukceson. La atento al nia kongreso en Hungarlando estis tre granda. Ni laboris por la movado en nia lando, krom tio ne nur por nia kongreso, sed eĉ jam por la venonta.

Li alvokas koran « Ĝis revido en la proksima Kongreso » kaj tiam laŭtlegas simpatie akceptitajn telegramojn de la regnestro de Hungarlando, Admiralo Horthy kaj de la ĉefministro Grafo Bethlen.

*D-ro Loránd* kiel rektoro de la Somera Universitato esprimas la dankon al ĉiuj prelegintoj kaj aŭskultintoj de la Somera Universitato.

*S-ro Elek Tolnai* dankas en la nomo de ĉiuj LKK-anoj pro la rekono de l'farita laboro. Se iuj detaloj aŭ detaletoj ne plene sukcesis, bonvolu indulgi nin. Ni estas nur homoj, sed ni faris nian tutan eblon. — Se iu havas ankoraŭ plendon pri kas- aŭ monaferoj a.s. li sin turnu al ni post la kongreso, por ke ni povu trankvile solvi ĉion.

*S-ro Stettler-Bern* memorigas pri la samideanoj en Vieno, kiuj sur siaj nefortaj ŝultroj ankoraŭ portas la sekvojn de la Viena Kongres-deficito. Li alvokas al nova helpo. Laŭ decido de la Ĝenerala Estraro speciala komisiono estas starigita, kiu organizos novan kolekton por iel forigi la tutan ŝarĝon.

*S-ro Trochimoski-Poznan* invitas al vizito de la Ekspozicio de Poznan kaj atentigas pri la bela prospekto disdonita de la Ekspozicia Komitato.

*S-ro R. Dubois-Paris* en la nomo de SFPE invitas oficiale la Universalan Kongreson en 1932 al la franca ĉefurbo Parizo. (Aplaŭdo).

*S-ro Karsch-Dresden* atentigas pri la germana kongreso en Dresden 1930 kaj invitas al ĝia vizito.

*S-ino Isbrücker-Hago* sugestas, ke la kongreso sendu salut-telegramon al la honora prezidanto de I.C.K. S-ro D-ro Privat. (Akceptite).

S-ro Mihalik rekomendas sendi salut-telegramon al malnova hungara pioniro S-ro. Tőrők. (Akceptite).

---

*Rezolucioj*

La kunsido post tio akceptas la sekvantajn rezoluciojn:

1.

La 21a Universala Kongreso de Esperanto en Budapest esprimas sian sinceran dankon al la tutmonda gazetaro, kiu helpas nian movadon kaj tute aparte la hungaran gazetaron, kiu tiel afable kaj bonvole publikigis la raportojn de la kongreso. La kongreso esperas, ke la gazetaro ankaŭ estonte kunlaboros por nia tutmonda kulturlaboro.

2.

La 21a Universala Kongreso de Esperanto esprimas sian apartan dankon al la registaro de Hungarlando, al la estraro de la ĉarma ĉefurbo Budapest kaj speciale al la afabla kaj ĝentila loĝantaro pro la ĉie kaj ĉiam vere varma akcepto kaj gastama helpemeco. Ĝi deziras al ĉiuj feliĉan disvolviĝon kaj plenan progreson.

Vivu Budapest kaj la hungara popolo!

3.

La 21a Universala Kongreso de Esperanto laŭ rekomendo de la jurista fakkunveno esprimas sinceran gratulon kaj koran dankon al la Kolegio de l'Advokatoj de Barcelono pro ĝia konstanta intereso pri Esperanto, dokumentita per denova delego de speciala reprezentanto.

Samtempe estas aprobataj 3 dezir-esprimoj de la fakkunsidoj de l'ĵurnalistoj (rilate aranĝon de la fakkunvenoj), de la pedagogoj (koncerne paŝon ĉe la hungara instrua ministro) kaj de l'blinduloj (pri la enkonduko de Esperanto en blindullernejojn.)

---

Entuziasmoplene suriras la podion D-ro Feliks Zamenhof, la frato de nia mortinta majstro, por diri la sekvantan adiaŭan saluton:

*Parolado de D-ro Feliks Zamenhof.*

Karaj ĉeestantoj,

se mi diras, ke la 21a mondkongreso de Esperanto de Esperanto en Budapest estis bona, bela kaj efika, mi diros al vi nenion novan. Tion vi aŭdis multfoje dum la kongresa semajno. Pli elokvente kaj pli precize elparolis tie ĉi S-ro prezidanto kaj aliaj. Kiom agrable estis antaŭ 8 tagoj renkontiĝi kun amikoj malnovaj kaj novaj, refreŝigi rememorojn de kune travivitaj tagoj, eksenti sin denove ano de la granda esperantista familio, ekster ĉiuj klopodoj, ĉu politikaj ĉu religiaj-tiom malagrable estas adiaŭi. Kiu diras, ke sufiĉas unu kongreso por 2 jaroj, tiu eraras multe. (Ĝranda aplaŭdo). Por nia movado la mondkongreso estas kvazaŭ anima ĝuo por ni ĉiuj, ĉar ĉiuj kongresoj estas vere sorĉmagiaj. Ilielŝiras malsanan semon, kiun plantis en ni la satano. Ili estas riĉaj je plej div. impresoj. Ili nobligas nin, kaj ĉar la nobleco devigas, la kongresano plej ofte venas hejmen noble agordita, instigita al noblaĵoj aŭ pli vere rezisti kontraŭ malnoblaĵoj. Bedaŭrinde la kongreso jam finiĝas. Silentas jam la lasta sono de nia festo. Preta staras jam la verda veturilo. Baldaŭ ĉiu el ni okupas en ĝi sian lokon kaj ni troviĝas denove sur nia granda, jam bona, ebenigita vojo, sur tiu vojo, sur kiu kvazaŭ multmila formikaro svarmas anoj de la esperantista familio. La familio faras kun sia lingvo kaj lango tian bruon, ke oni ĝin aŭdas tra la tuta mondo kaj konvinkiĝas, ke Esperanto vere vivas. Kara familio! ne laciĝu, svarmu, kriu, enŝtoniĝu en la kapojn, orelojn kaj korojn kaj animon de ĉiu, kiu ĝis nun ankoraŭ ne fariĝis esperantisto. Indulgu neniun plu. Estu kvazaŭ torento, kiu superakvigas la mondon. Post la 20a kongreso en Antverpeno komence oni timis konsekvencojn de l'subita vento, kiuj estos dolorige sentataj ankoraŭ longe poste. En la kuirejo de nia movado bolis kiel en kaldrono. Sed kiu baldaŭ poste enrigardis en la kuirejon, povis rigardi, observi, ke ĉio estis bona kaj ankaŭ la supo estis bona. La mastroj estas kontentaj, la kuiristoj ne malpacis. Oni laboris trankvile kaj kun espero. Tion mi asertas, malgraŭ, ke mi mem ne estis en la kuirejo. Mi nur aŭdis, kiel al mia kuzo renkontiĝis onklo de unu el la kuiristoj.

# Budapeŝto : La Loka Kongresa Komitato.



*D-ro Leo Lorand.*



*S-ino Elisabet Benczen-Szekely.*



*S-ro Paŭlo Tolnai.*



*S-ro Julio Baghy.*



*S-ro Paŭlo Balkanyi.*



*S-ro Elek Tolnai.*



*S-ro Ludoviko Kökeny.*



*S-ino Maria Kleinberger.*



*S-ro Stefano Zöldy.*



*S-ro Teodoro Kovacs.*



*D-ro Aŭrelo Murai.*



*D-ro Francisko Szilagyi.*

Tamen, ni efektive povas esti trankvilaj. La Esperanto-movado eniris la vojon glatan sen malfacilaĵoj, sen malhelpoj, Esperanto alakiris grandan potencon en la fajro kaj uraganoj kaj ne tre malproksima eble estas la tempo, kiam Esperanto levos la mondon sur tiun piedestalon, sur kiu vidis ĝin kaj sentis ĝin nobla koro de Ludoviko Zamenhof. Kaj ne tre malproksima eble estos la tempo, kiam sur neŭtrala lingva fundamento la popoloj faros en konsento veran, ne nur en vortoj, sed fakte, unu grandan rondon familian. La kongreso finiĝas. Nia verda veturilo, en kiu ne multaj el vi prenis la lokon antaŭ 42 jaroj, kuras vigle kaj rapide. Laŭte sonas ĝiaj sonoriloj, anoncante ĉie nian gajan anaron. Vere mirinda estas la veturilo. Ju pli da lokoj okupiĝas en ĝi, des pli da lokoj fariĝas novaj, ju pli da pasaĝeroj alvenas, des pli malpeza kaj vigla estas ĝia kuro. Ĝia direktilo konsistas kvazaŭ el multaj rem-direktiloj. Ĉiu el ni tenas po unu kaj ni veturas vigle kaj vigle.

Kompreneble estas, ke same kiel en ĉiu idealista movado, ankaŭ en la nia oni baras al ni ofte la vojon. Sed tion ne kaŭzas malnoblaj homoj, sed ofte homoj sindonemaj kaj fervoraj, kiuj, malfeliĉe, subiĝas al eraroj. Kiam la eraroj evidentiĝas oni tuj reordiĝas kaj veturas pluen. Se estas ankoraŭ iuj malkontentuloj aŭ skeptikuloj, ni etendas al ili amike la manon. Eliru ili el la mallumo en la lumom de niaj kongresoj. Vidu, ili aŭdu kaj ekkonu nian forton kaj konkordemon. Nun oni akceptas nin ĉie bone, sed ne ĉiam estis same. Nia vojo iris tra densa mallumo, malhelo. Timo kaj malĝojo ofte akompanis nin. Sed ni veturis. Kontraŭ spita vento, spite homa fals', perfido, moko... Kun signalo de la "nova sento" ni de loko flugis al la loko. Krakis radoj de la veturilo, kliniĝadis ofte ofte ĝi survoje. Kaj ni staris plende, sen konsilo: Kial, ho, ni ekveturis foje?.. Ni veturis. Kaj jen mia bonkonsilo, kian ni al voj' nin reekpuŝos: sidu firme sur la veturilo! Kiu falos, kuŝos. (Forta aplaŭdo).

*(Laŭ stenografaĵo de Rob. Kreuz (Stolze-Schrey)*

---

*S-ro Merchant* dankas kore al D-ro F. Zamenhof pro la profundaj vortoj diritaj de li kaj daŭrigas: Venis la tempo, kiam ni devas diri unu al la alia « Ĝis revido ». Multaj el vi eble unuan fojon ĉeestis universalan kongreson. Mi kredas, ke vi havis profundan impreson. Ni ĉiuj estis kontentaj kaj ŝuldas koran dankon al niaj fidelaj hungaraj amikoj pro ĉio, kion ili faris por nia afero.

La venonta kongresurbo ankoraŭ ne estas fiksita. Ŝvebas diversaj proponoj, sed neniu invito estas definitiva. Certe ICK solvos la situacion post ne longe kaj la gazetaro diskonigos la lokon.

Ni do foriru kun dankosento, nova laboremo kaj kuraĝo en la koro.

Kun kora « Ĝis revido en la proksima kongreso » li deklaras la kunsidon fermita.

La kunsido finas per komuna kanto de la himno « La Espero ».

Budapest, la 12 Aŭgusto 1929

La Protokolantoj:

E. Benczen-Székely, *Vic-sekretariino* — P. Tolnai, P. Balkany, *Ĝeneralaj sekretarioj*

Rob. Kreuz, *Konstanta Ĝenerala Sekretario*

J. Mihalik de Hernadszurok, *Prezidanto de l'Kongreso* — John Merchant, *Prezidanto de l'I.C.K.*

## Fakaj kunvenoj

### FEMINISTOJ

La 8-an de Aŭgusto okazis feminista kunveno. S-ino Eugenia Meller malfermis la kunsidon laŭtlegante salutesprimon de la budapeŝta feminista societo. Poste S-ino Yelland (Londono) detale klarigis la neceson de estigo de Feminista Asocio Esperantista, kiu atente sekvu la virinajn movadojn en la tuta mondo kaj kiu kunvenu okaze de ĉiu kongreso. Post kelka diskutado de l' propono oni elektis prezidantinon de la nove starigita asocio S-inon Marcelle Tiard (Parizo) kaj sekretarino S-inon Nora Kozma el Budapeŝt.

(La suprenomita sekretarino: Budapest VI. Andrássy ut 5. petas la esperantistinojn, ke ili bonvolu raporti al ŝi pri novaj akiritaĵoj en la virina kampo de la koncernaj landoj. Nome: pri voĉdonrajto, virinlaboro, allaso al universitato, atingitaj oficialaj postenoj ŝtataj aŭ urbaj k.t.p.)

### JURNALISTOJ

Jam antaŭan tagon, post la Blindula Koncerto, kvardeko da personoj sekvis inviton de la Hungara Jurnalista Klubo en ĝia hejmo « Otthon », kie ĉeestis kelkaj eminentuloj de la hungara verkistaro kaj akceptis ilin per teo kaj koncertaĵoj. Bedaŭrinde la oficialan kunsidon en la filozofia fakejo de la Universitato ĉeestis des pli malmultaj kolegoj, kiel ankaŭ aliajn fakkunvenojn, tiom ke la ĉeestantoj post klarigaj vortoj de la provizora afergvidanto, samideano Hoen el Köln (adr. Poŝtfako 255) esprimis la deziron, ke estontaj kongresoj donu pli da atento al taŭga aranĝo de fakkunsidoj, ke almenaŭ la aranĝintoj havu la devon ĉeesti kaj zorge diskonigi lokon kaj horo de nur unufoja kunveno por ĉiu fako, ke speciale la ĵurnalista kunveno okazu jam dum la interkonatiĝa vespero aŭ la sekvontan tagon, por ebligi dispartigon de nia grava kaj streĉiga laboro.

Poste oni decidis elekti definitivan estraron per skriba voĉdonado. Kolegoj sendu proponojn al la supre menciita adreso.

### PACIFISTOJ

Je la 31a de Julio dum la antaŭkongreso en Vieno okazis manifestacio de la Universala Esperantista Pacifista Ligo en la granda salono de Kobenzl. Partoprenis 400 kongresanoj. Prezidis S-ro Tauber el Bratislava kiu parolis pri la neceso de forta pacifisma agado. Sekvis S-roj Michael Frey, Spitzer, Vieno, kaj D-ro Spielmann, Bern. — Je la 5a de Aŭgusto laborkunsido en Budapesta Universitato, prezidita de S-ro Tauber. Partoprenis la plej fervora batalantoj de la movado sukcese klopodintaj por la pacifista ideo inter esperantistoj. Oni decidis daŭrigi ĉiujare la manifestacion dum la esp. kongreso. — S. T.

### STENOGRAFISTOJ

La stenografistoj havis sian kvaran ĝeneralan kunsidon, la 4-an de Aŭgusto en la Universitato sub prezido S-ro Theodor Kovács. Ĉeestis inter aliaj la kreinto de hungara unueca stenografio D-ro Radnai, Prof. Brabbée el Wien, inventinto de speciala Esperanto-Stenografio, reprezentanto de F. de Kunowski, kreinto de Internacionalstenografio, adaptita per Esperanto al 21 aliaj lingvoj, kaj la kasisto de la Asocio, S-ro De Maertelaere el Gent, kiu donacis la aĉetprezon de lia portreto de nia majstro D-ro Zamenhof, donacita de holandaj esperantistoj al la Esperanto-Muzeo en Wien, al nia Asocio. Nia kaso do troviĝas en bonega situacio kaj ni povas esperi, ke nia organo aperos nun pli regule. Post elekto de S-ro Mori,

Japanujo kiel konsilanto. S-ro Kovács legis salutleteron de nia prezidanto S-ro Cogen. Hungara ĉeestanto parolis pri la dezirinda unueco en esperanta stenografio, io nuntempe ne atingebla. Estos afero de la praktiko pruvi, kiu sistemo trovos la plej multajn adeptojn inter Esperantistoj, kaj nur kiam Esperanto estos oficiale rekonita kaj enkondukita, ni povos alceli ankaŭ unuecan stenografii-sistemon.

Dua kunsido okazis merkredon la 8-an de Aŭgusto en la hejmo de D-ro Radnai, kiu afable invitis ĉiujn esp. stenografistojn kaj afable gastigis ilin per lunĉo. Li prelegis pri sia sistemo adaptita de D-ro Kökeni al Esperanto. Oni pritraktis ankoraŭ diversajn faktemojn, reelektis la ĝisnunan estraron kaj sendis salutkartojn al vico da fakolegoj.

## 14a Itala Kongreso de Esperanto

### Udine, Julio 1929

Ĵus antaŭ la Universala kongreso okazis la 14a kongreso de la italaj esperantistoj en Udine, la ĉefloko friula. Partoprenis 160 personoj, inter ili kelkaj eksterlandanoj. Diservo esp. en preĝejo de Sankta Jakobo kun esp. prediko de franciskano Modesto Carolfi. Estas la unua fojo, ke dum itala kongreso esp. oni predikis en nia lingvo. Malfermis la kongreson la urbestro de Udine, Grafo di Caporiacco. La prezidanto de la Udina grupo en brila parolado deklaris la nepran fidelecon de la italaj samideanoj al la reĝimo kaj la bezonon uzi Esperanton en ties servo. Alvenis salutletero de la reĝo, de diversoj ministerioj, de Itala Turing-Klubo, de la Ruĝa Kruco.

La laborkunveno elektis kiel prezidanton de la kongreso, Profesoron Canuto, V P de la I.E.F.; Vicprezidantojn D-ron Ghezzo, S-ron Solimena kaj S-ron Bodini. Sekretarioj: S-roj Dolce kaj Vannuchi. Jarraporton de la federacio prezentis D-ro Canuto, por la movado ĝenerale S-ro Facchi, Delegito de itala Esp. Movado por eksterlando, por la itala Katedro Prof. Grazzini. Oni diskutis la novaranĝon de la nacia organo, kiu de 1930 aperos pli luksa kaj pli granda, eldonita de senlaca eldonisto Paolet. Sekvis diskutoj pri propagando. La kunveno finis je la 18a horo.

El plezuraj aranĝoj ni citu la teatran reprezentadon, kun inaŭguro de flago esp. de la grupo de Trieste. Komedieto de Niccodemi, « Naskiĝo » tradukitan en Esperanto de S-ano Facchi majstre ludita de samideanoj el la grupo de Brescia, plie komedio « Viktimo » ludita de Amatora societo teatra kaj deklamoj de samideano Orengo et La Spezia. Ekskurso al antikva Aquileja kaj Palmanova kun honorigo al mortintaj soldatoj per depono de florkrono sur tombon.

En dua labora kunveno oni diskutis la perspektivojn de la propagando, la aplikon de Esperanto en turismo, komerco, arto, fondo de nacia arkivo de esperantaĵoj, pri instruado. Laste oni parolis pri la estonta kongresloko, kiu verŝajne estos Como.

Je la 30a de Julio ekskurso al Cividale kun akcepto de la urbestro kaj de la Faŝista sekciestro. Vizito de la vidindaĵoj, katedralo, longobarda templo, diabla ponto. Poste en apuda urbeto Rubignacco vizito de la instituto por militorfoj direktata de la urbestro de Udine, kiu mem gvidis la kongresanojn kaj klarigis la modernajn instalaĵojn kaj aranĝojn.

La kongreso finis la 31an de Julio per parolado de Prof. Canuto. Alvenis saluttelegramo de la papo kun apostola beno. Post danko al la modele laborintaj samideanoj de Udine la kongresanaro disiris kun « Ĝis revido ». La okazintaĵoj de la kongreso estis filmigitaj.

*Prilaboris G. Agricola.*

## Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT)

### 9a Kongreso - LEIPZIG - 4-10 Aug. 1929

Aliĝis al tiu kongreso de la klasbatalantaj esperantistoj 1.102 personoj kaj partoprenis la kongreson 662 el 22 landoj. Plej forta partopreno nature estis la germana; la proporcie tre malalta partopreno el aliaj landoj klariĝas per malhelpoj ĉiaspecaj ekzemple la nericevo de vizoj. Kongresejo estis la Popola Domo kaj la malfermo en ties plej granda bela salono. Disaŭdigoj ĉiuvespere ĉe la Radio-stacio dank'al konsento de la MIRAG. Filmado de la kongreso kaj regula raportado en la laboristaj gazetoj lokaj.

La laboremon kaj fervoron de la kongresanaro atestas la fakto ke okazis kvin laborkunsidoj en kiuj estis traktitaj la raportaro de la Plenuma Komitato de SAT pri la pasinta agada jaro. El tiuj raportaro, aperinta en la N-ro 256 de l'Sennaciulo ni ekstraktas kelkajn ciferojn:

Je la unua de Julio 1929, Sat kalkulis 5.336 anojn pagintajn (Je sama dato 1928: 6.170). Ne repagis la kotizon 3.045 anoj. Kun tiuj nepagintoj, SAT kalkulus do 8.381 anojn. Pli interesa estas la ciferoj pri la vendo de libroj de la Eldona kooperativo. Eldonitaj estis 33 verkoj kun rondcifere 90.000 ekzempleroj, el kiuj vendiĝis dum 1927/28 iom pli ol 15.000 ekzempleroj kaj en 1928/29 preskaŭ 18.000 ekz. Detala statistiko montras kion ŝatas legi SAT-ano. Staras unuavice la legolibreto PETRO kiu aperis en tria eldono kaj el kiu vendiĝis 1928/1929 preskaŭ 6.300 ekz. La « Dokumentoj de l'komunismo » eldonita jam en 1924 nur povis interesigi 78 aĉetintojn kaj la bonega traduko de « Faŭsto » nur 95. La venda valoro de la libroj aĉetitaj estis por 1928/29 10.408,90 RM (Kio korespondas proksimume al 13110 svisaj frankoj).

La oficiala organo de SAT, « Sennaciulo » baldaŭ atingas 4.000 abonantojn. Ĝi aperas ĉiusemajne kun dekdu paĝoj kio formas volumon de pli ol sescent paĝoj jare. — La raportoj pri la scienca revuo « La Nova Epoko » kaj la aldono « La lernanto » montras kontentigan prosperon de ambaŭ eldonaĵoj.



*La partoprenintoj de la SAT kongreso*

Pri la plena Vortaro de Esperanto, kiun eldonas SAT ni sciiĝas el la raporto ke estas presitaj 120 paĝoj t.e ĝis litero F inkluzive. Estis antaŭmenditaj 1.428 ekz. valorantaj 42.705 francajn frankojn (=8.540 sv. Fr.). Espereble la vortaro povas aperi ĝis fino de la nuna jaro.

Vidiĝas el ĉio ke SAT bone prosperis kaj ke ĉio rajtigas esperi saman daŭrigon. Rimarkinda estas ankaŭ la antagonismo ekzistanta inter la sennacieca organizaĵo kaj la landaj laboristaj societoj.

Pri la loko de la estonta kongreso decidas la plenuma Komitato. Invitis Bruselo. Menciinda estas la propono de S-ro Drezen okazigi ĝin samloke kie okazos la Universala.

# Esperantistaj problemoj

VII.

**La statistiko.**

*Oni asertis, la mondo estas regata de nombroj; sed tion mi scias, ke la nombroj nin instruas, ĉu ĝi estas bone aŭ malbone regata.* GOETHE.

Kiom da esperantistoj ekzistas nuntempe? Jen la demando ofte farata sed malfacile respondebla. Ĉiu cifero, ĉu ĝi devenas de taksado laŭ vendo de la gramatikoj, ĉu de komplika kaj penplena nombrado, estas atakebla kaj tutcerte ĝi estas relativa. Ni tion vidis el la rezultoj de la Jubilea Statistiko de 1927 prilaborita de Profesoro Dietterle kaj aperinta en la Julia numero de *Esperanto* 1927. La komplikaĵojn de tia statistiko ja bone montris la kompilinto kaj ĉiu kiu iam iel ajn laboris pri statistiko internacia nepre konsentas aŭ certe konas ankoraŭ pliajn komplikaĵojn. Ni povas diri ke la statistiko de la esperantista popolo aŭ alie dirita la esperantista popolsumigo ne donis tiun rezulton kiun ni ĉiuj atendas, vidante ĉiutage la grandan klopodadon por nia afero. Sed la provo estis interesa kaj permesis konkludojn alimaniere ne fareblajn. Se ekzistus la financaj rimedoj oni povus daŭrigi sur la spertoj akiritaj kaj post kvin jaroj reprovi tian sumigon. Kontraŭ la « milionoj da esperantistoj » svarmantaj en la paroloj de fervora propagandisto, la jubilea statistiko kontraŭmetis la centmilon da videblaj, konstateblaj personoj kiuj lernis la lingvon kaj iel partoprenas la movadon. Modesta cifero sed pruvebla.

Fine je kio utilas la diro pri milionoj se oni nenie vidas aŭ aŭdas parolanton de la internacia lingvo? Sufiĉas ke ekzistas la lingvo, montrebla ĉiam per dokumentoj.

Restas tamen problemo. Ĉu ni tute rezignu pri regula statistiko konstate de nia laboro? Valoras ricevi klaran ideon pri tio, kio necesas esti nombrata kaj kio estas superflua.

Plej elementa estas la popolsumigo. Ni uzas tiun popularan terminon, kvankam ĝi ne estas tute korekta laŭ jura kompreno. Sed ni sentas nin iom kiel popolo, disigita en ĉiuj landoj. Post la nombrado de la parolantoj de la lingvo ekzistas tiu de la literaturo kaj de la kursoj. Pri la literaturo en Esperanto, provo de sistema kalkulado estas komencita; dependas de rimedoj daŭrigi kaj regule raporti pri ĝi. Nombrado de la kursoj estus fakte kompletigo de la informoj aperantaj en la gazetaro sub *Kroniko*. Mankas nur preciza informado multe pli kompleta ol ĝi estis ĝis nun kaj kompreneble centrigo ĉe unu loko laŭ plej taŭga maniero. La ĝisnuna kronikado havis la ĉefan celon montri ke io okazas, kuraĝigi la aktivulojn kaj konatigi la homojn. Statistiko de la kursoj utilas por komparo de la progreso, por rilatoj al aŭtoritatoj.

Se plimulto aprobas la principon, sama interkonsento ne regas pri la metodoj sekvotaj. Unue pri la objekto mem. Necesas klare fiksi la kvalitojn aŭ ecojn de kursoj (propaganda, lerneja, deviga, nedeviga, komerca, porinfana, plenkreskula, faka k.t.p.) tiel ke ekzistu unuforma kompreno pri la speco de la kursoj. La gazeta informo « Kurso en komerca lernejo: 20 lernantoj », neniel estas preciza. Ĉu temas pri kurso de la loka grupo okazinta en la komerca lernejo aŭ ĉu estas kurso en la programo de la koncerna komerca lernejo, fakto multe pli interesa ol la unua ebleco.

Depost la nuna somero, UEA intencas starigi Statistikan servon kaj en ĝi tiun pri la kursoj. La rezultatoj devos regule aperi, eble ĉiukvaronjare en la gazeto *Esperanto*. Pri la metodo sekvota ni opinias ke interkonsento pri tio devus okazi kun naciaj societoj (institutoj) kaj niaj Delegitoj. Liganta organo inter ambaŭ estus en la plimulto de la landoj la *ĉefdelegito* kiu posedas la eblecon regule rilati kaj ĉefe ekonomie uzi ekzistantajn teknikajn rimedojn (kaj ankaŭ ŝpari je afranko la ĉefa zorginfano de ĉiu klopodo tiaspeca). Antaŭ ol ni komencu valorus aŭdi la opinion de praktikistoj kaj ĉefe de instruistoj. Plezure ni akceptas ankaŭ sugestojn pri la aranĝo de la fiksotaj statistikaj detaloj.

H. J.

---

# Lingvaj Studoj

**Pri kelkaj juraj esprimoj.**

Nia artikolo pri tiu temo, aperinta en la Aprila numero rezultigis aron da interesaj leteroj kiujn ni ankoraŭ devas prilabori. Ni dankas tie ĉi al la sendintoj, nome D-ro Dreher en Krakovo, Dianto, S-ro Pothast en Hago, D-ro Liebeck en Berlino, S-ro Hageler en Drammen, por la pripensindaj argumentoj.

---

# Esperanto enradikiĝas en Gvatemalo

Post kelkjara klopodo per skriba kaj persona rilatado montriĝas la frukto de propagandado de I.C.K. en tiu ĉi lando. En la ĉefurbo Guatemala-Ciudad jus estas komencita kurso de Esperanto por skoltoj, en kiu partoprenas preskaŭ 50 lernantoj, ĉiuj entuziasmaj por nia lingvo.

La organizon iniciatis sro. J. Machado en la ĉefurbo, lerninto de Esperanto per koresponda kurso de la Argentina Esp. Asocio, al kiu per tio ankaŭ estas ŝuldata parto de tiu sukceso.

Estas menciinde, ke laŭ instigo de I.C.K. la Argentina Asocio instruas per korespondado novajn lernantojn en Peruo, Bolivio, Ekvadoro, Kostariko kaj Portoriko. En Gvatemalo partoprenas en tiu lernado diversaj eminentaj personoj.

Skoltoj aŭ lernantoj, kiuj deziras korespondadon kun samcelanoj, sin turnu al sro. J. Machado, 2 A.S. y 9 C.P. *Guatemala-Ciudad* aŭ al sro. Carlos Cipriani, Gvidanto de la Skoltaro de Gvatemalo, Callejon de Maravillas 41, *Guatemala-Ciudad* (Mezameriko).

*Portugala Movado*

Post dujara dormo, la movado plivigliĝas kaj certe en la proksima vintro kursoj staros.

La plej grava portugala jurnalo *O SECULO* donis kelkajn notojn pri la nuna movado, precipe, pri la urbestra propono en Budapest pri la akcepto de profesoroj tutmondaj kiel gastojn de tiu-ĉi bela urbo.

Ankaŭ kelkaj artikoloj estas aperintaj en « *Diario dos Açores* » kaj « *Diario da Madeira* », pri diversaj temoj esperantaj.

## 15a Jarkunveno de la Hungaria Esperantista

**Societo Laborista.**

Jam kelkfoje ni havis okazon tie ĉi informi pri tiu societo modele kaj serioze laboranta, malgraŭ ĝia karaktero. El la raporto kiun ni ricevis ni ekstraktas la jenon: (La kunveno okazis 12 Majo 29).

H.E.S.L. posedas oficejon kun du ĉambroj kaj unu salonon.

H.E.S.L. havis 1.1.29 1300 enskribitajn anojn, kaj donis dum 1928 86 kursojn un 1405 lernantoj. Restis ĝis la fino 365. Biblioteko kun 2153 libroj. La societo ricevas urban subvencion de 1200 P. (ĉirkaŭ 1100 Fr. sv.). Tuta spezo estis 15000 pengoj (ĉ. 13000 Fr. sv.) dum 1928.

---

*Sesa Internacia kongreso kontraŭ la tabako kaj Esperanto.*

Dum postpaska semajno 1929 okazis en Parizo tiu kongreso. Inter la diversaj prelegoj estis unu pri « Esperanto-movado kaj la batalo kontraŭ la tabako » kiun prezentis samideano W. Mudrak kiu volonte donas informon pri tiu movado. Adreso: Esperantista Tabakkontraŭula Asocio, Juden platz 2, Wien I.

---

## La Haga Konferenco pri Riparado kaj Esperanto

Jen bildo de la provizora poŝtoficejo en la fama « Ridderzaal » en Hago kie okazis la kunvenoj de tiu konferenco. La Nederlanda Poŝta Administracio okupigis tie oficiston S-ro A. Pont scianta Esperanton. Ekzistas dekreto laŭ kiu oficisto scianta Esperanton rajtas pendigi afiŝon. Tion S-ro Pont utiluzis kaj pendigis afiŝon kun la enskribo: Esperanto tie ĉi estas parolata.



*S-ro Pont, dekstre sur la bildo kun stelo sur la maniko.*



## Esperanto en la lando de la faraonoj

Nia tre agema Delegitino S-ino St. Nikolaidis en Zagazig (Nildelto) informas nin:

« Danke al la prezidanto de la Greka Unuiĝo de Zagazig, D-ro Mavris kiu konsentis al S-ino N. paroladon en la kunvenejo, aliĝis dudek personoj al kurso inter ili ankaŭ la prezidanto de la unuiĝo. La kurso komencis. La instruo okazas dufoje en la semajno. Espero estas, fondi grupon. »



(Ni gratulas nian ageman samideaninon kaj deziras al ŝia laboro multan sukceson. — Red.)

## :: Turismo kaj Esperanto ::

### Turista karto de Svislando

La Svisa propagandejo en Bern, informas nin ke sekve al la artikolo en ESPERANTO, alvenis aro da petoj por ricevi ekzempleron de tiu reklamilo. La karto elĉerpiĝis jam de longe, ne estas direbla nun kiam nova eldono aperos. — Jules Perlet, Bern.

---

### Nova gvidfolio « Vizitu Pollandon »

La Pola Esperanto-Asocio eldonis tiun fald-prospekton tute taŭgan okaze de la Nacia ekspozicio en Poznan kiu altiras ankaŭ esperantistojn al Pollando. La gvidfolio (subvenciita de la ministerioj por Trafiko, Laboro kaj de la Eksterlandaj aferoj) enhavas 13 bonajn bildojn kaj geografian karton de la lando.

---

### Wien kaj Malsupra Aŭstrio

La Komisiono por fremdulfrekvento de Vieno kaj Malsupra Aŭstrio eldonis tre belan faldprospekton kun aro da bildoj en kupropresado. La tradukon en Esperanto prizorgis denove la agema propagandisto S-ro Ĉefinspektoro Steiner. Oni povas ricevi tiun prospekton per la oficejo de la « Komission für Fremdenverkehr der Bundeslander Wien & Niederoesterreich Messepalast, Wien VII. »

(Rimarkinda estas, ke la Turisma servo de UEA ricevis nur kelkajn ekzemplerojn de la du supraj gvidfolioj, la pola kaj la aŭstria. Ĝi sekve ne povas liveri ilin al interesuloj).

## Honorigo al propagandisto

Kiel oni povis legi en la raporto pri la Viena Antaŭkongréso kaj inaŭguro de la Esperanto-Muzeo, la Aŭstria Registaro bonvolis honori senlacan prapagandiston de Esperanto per nomigo je registara konsilanto. Multaj el la legantoj ja konas persone Sinjoron Hugo Steiner kaj kore partoprenas en la gratulo esprimata tie-ĉi.

Sinjoro Steiner, kiu pasintjare atingis la kvindekon de vivjaroj devenas el Retz, vilaĝo en Malsupra Aŭstrio. Post studo li eniris ŝtatan servon ĉe la fervojo, kaj post distinga servado li pensioniĝis kiel ĉefinspektoro en la jaro 1924. De tiam li sin dediĉis entute al la propagando de Esperanto kies kronigo



*S-ro Hugo Steiner*

estas la fondo de la muzeo en Vieno. Li ĉefe klopodis por reunigo de la Aŭstriaj esperantistoj, eldonas periodaĵon « Aŭstria Esperantisto » (de 1924) elektiĝis ĝenerala sekretario de la Aŭstria Delegitaro kaj poste en 1929 prezidanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio. Bone preparitaj kaj ĉefe bone atentitaj landaj kongresoj en Salzburg, Graz, Wien, kaj Baden atestas pri liaj energio kaj kapablo. Li ankaŭ sentime prenis sur sin defendi kaj helpi la organizintojn de la Viena Kongreso antaŭ la forumo de la ĝenerala estraro de nia movado.



## Universala Esperanto-Asocio




Centra Oficejo:
1 Tour de l'Ile, Genève, Svis.

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 12. Oktobro.

*Bulgara teritorio.* — Pro profesia trookupiteco, nia ĉefdelegito por la Bulgara teritorio, S-ro Atanas D. Atanasov devis eksiĝi el sia funkcio. Ni espimas tie-ĉi nian koran kaj sinceran dankon por la valora kaj efika laboro kiun plenumis S-ro Atanasov en la intereso de UEA.

Ĝis novordigo de la teritorio la Direktoro nomis *peranton*, S-ron Radoslav Kuzmanoff Triĉkov ulica Knjaĵevska 76 en Vratza, konforme al Art. 48 de la statuto. La enlanda komitatano bonvolis rekomendi tiun decidon.

Ni komisiis S-ron Triĉkov enkasigi per la poŝto la ankoraŭ nepagitajn kotizojn en la Bulgara teritorio.

*Respondkuponoj de UEA.* — Ni denove atentigas ke la unua serio de la respondkuponoj eldonitaj de UEA validas ĝis 31a de Decembro 1929. Post tiu dato la Centra Oficejo ne plu akceptos ilin. Mendantoj de respondkuponoj ricevas tiajn de la dua serio, validaj ĝis 31a de Decembro 1932.

*Oficiala Informilo de UEA.* — De la Novembra numero de*Esperanto*, per kiu komencas la 22a agadjaro de UEA, la Oficiala Informilo de UEA aperos sur aparta folio dupaĝa kiel aldono de la gazeto. Tio permesas de unu uzi du paĝojn por la oficialaj aferoj de nia Asocio. Ni intencas sekve doni plian lokon al internaj problemoj, ide-esprimoj de Delegitoj kaj membroj, k.t.p.

*Oficiala Bulteno n-ro 24.* — Komence de Novembro 1929 eliros la O.B. kun la kutimaj informoj por la Delegitoj kaj ilia agado dum la nova administra jaro. Delegitoj ne ricevontaj la sendaĵon bonvolu tion komuniki al ni. La sendaĵo eliros de Antverpeno.

*Repagigo de kotizoj 1929.* — Je la fino de monato Septembro ne repagis la kotizon precize 2056 anojn. En diversaj landoj ni faris lastan klopodon kaj ni esperas, ke aro da membroj ankoraŭ bonvolos repagi. Ni kore dankas la delegitojn kiuj respondis nian statistikan demandaron pri la kaŭzoj de nerepago, kies informoj permesas al la Oficejo kunmeti interesajn konkludojn.

*Nova jaro 1930.* — Komence de Novembro 1929 dissendiĝos la invitilo al la membraro je bonvola rapida realiĝo por 1930. Ni povas jam unu informi ke ni disponigas al elekto tre belajn premiojn por frupago. Speciale atendinda estas la serio da libroj por Subtenantoj. Ankaŭ en la nova jaro la Asocio donacos premiojn por varbado de novaj anoj kaj ni esperas ke multaj profitos de tiu ĉi okazo.

*Korekto en la jarlibro 1929.* — Bonvolu korekti p. 212, nomon de la D en Salon. Anstataŭ F-ino devas esti S-ino Marie Antoinette Rivière.

**Novaj delegitoj.**

*(En lokoj kie ne estis D)*

*Breda* (Nederl.) D: Adrianus J. J. Wolterbeek, butikisto, Nieuwe Ginnekenstraat 33.

*Casale Monferrato* (Ital., Alessandria.) D: Luigi Topi, inspektoro ĉe firmo Singer, Vitt. Emanuele 13.

*Chalkis* (Grekl.) D: Alkinoos, Prof. de fiziko, Poste restante. VD: Panagiotis Skarimbas, inĝeniero.

*Dinkelsbühl* (Germ.) D: Fritz Sauer( bankoficisto, Russelbergstrasse, 8.
*Eisenberg* (Ĉ.S.R.) D: Josef Herzig, fervojoficisto.
*Erfurt* (Germ.) D: Walter Weber, komerc.-reprezentanto, Gustav-Adolfstr. 1.
*Fagersta* (Sved.) D: Sven Ceder, leterportisto.
*Guben* N/L. (Germ.) D: Wilhelm Wisheit, maŝinkonstruisto, Trifstr. 29.
*Hausmening* (Aŭstr.) D: Anna Dürschmid, privatulino, Fabrikstr. 40.
*Hirschberg* am See (Ĉ.S.R.) D: Franz Skokan, oficisto, Schlossgasse 166.
*Hohenberg* (Aŭstr.) D: Alois Schneider, ĉeflernejestro.
*Mestec Králové* (Ĉ.S.R.) D: Josef Burita, oficisto.
*Mügeln* (Germ.) D: Paul Schwedler, instruisto, Bahnhofstr. 181 E.
*Neusalza-Spremberg* (Germ.) D: Otto Geiier, fervojoficisto, Bahnhof.
*Nova Zagora* (Bulg.) D: Minjo Edrev, agronomo.
*Rétsác* (Hungar.) D: Dr. János Samassa de Gesztöcz, publika notario.
*Rochlitz* (Germ.) D: Max Mäser, instruisto, Bahnhofstr. 37.
*Salerno* (Ital.) D: Fidia Cesarini, librotenisto, Intendenza di Finanza.
*Secovce* (Ĉ.S.R.) D: Ludoviko Rydarowski, romkatolika pastro.
*San Antonio de Vilamajor* (Hisp.) D: Fino Luisa Bargés.
*Sao Paulo* (Brazilo). D: Hary Petersen, komerca oficisto, Caixa Postal 3723.
*Weissenfels an der Saale* (Germ.) D: Artur Leffler, oficisto, Lutherstr. 8.
*Zeleznik* (Ĉ.S.R.) D: Ladislav Czibur, lernejestro.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikiĝo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD, agas provizore.*

***

**Ŝanĝoj.**

*Auckland* (N. Zelando). VD: B. Sino King, San Remo Hotel, Symonds St.
*Bucureŝti* (Rum.) D: Henriko Harabaĝiu, Bulev. Alex. Ion Cuza, 33. II.
*Dresden-Dobritz* (Germ.) D: Emil Friebel, Blumenstrasse, 9. Dresden A. 16.
*Elberfeld* (Germ.) D: P. Trarbach, rektoro, Markgrafenstr. 14.
*Falkenstein i. V.* (Germ.) D: Margarete Tröger, Fino, 1 Kaiser Wilhelmstr. 2. VD: Kurt Leucht, Ellefelderstr. 37.
*Frankfurt a.M.-Höchst* (Germ.) VD: Wilhelm Pestinger, Wiesenstrasse, 3.
*Köln* (Germ.) D: Teo Jung, presisto-eldonisto, Brüsseler Str. 94. VD: Anton Wilbert, ĉef-instruisto, Siegesstrasse, 28. K.-Deutz.
*Merano-Quarazze* (Ital.) D: Stefan Kunerth, Via Laurin 3.
*Pforzheim* (Germ.) D: Dro J. Linder, Bahnhofplatz, 4.
*Plovdiv* (Bulg.) D: Anton Miller, inĝeniero, ul. Diustabanov, 28.
*Potenza* (Ital.) D: vidu Salerno.
*Velbert* (Germ.) D: Fritz Kiesgen, Bahnhofstrasse, 50.
*Wiesbaden* (Germ.) D: Ludwig Jstel, Wilhelmstrasse, 1/I.

En la jenaj lokoj ne plu estas delegitoj:

*Addis Abeba*, Etiopio. — *Lohovec*, Ĉ.S.R. — *Palan de Montagut*, Hisp. — *Santa Fé*, Argentino.

Statistiko de la delegitoj.

| | |
|---|---|
| Stato je la 25 Junio | 1.780 Lokoj |
| Lokoj forstrekitaj inter 25.VI - ĝis 25.VIII 1929 | — 4 » |
| | 1.776 » |
| Forstrekita pro nepago de kotizo 1928 kaj reveninta | + 2 » |
| Novaj lokoj | + 22 » |
| Je la 25a de Aŭgusto UEA kalkulis Delegitojn en | 1.800 Lokoj |

Genève, 25 de Septembro 1929.

HANS JAKOB, *Direktoro de UEA.*

# La Centra Oficejo de U. E. A.

*Non moriar sed vivam et narrabo opera domini.*

(Enskribo ĉe la turo de l'insulo en Ĝenevo.)

Ĉe la elfluo de la Lemana Lago (Ĝeneva Lago) kaj la rivero Rhône estas insuleto ligata per larĝaj pontoj kun la alia parto de la urbo. Meze de tiu insuleto staras turo, tre solida kaj fortika al kiu estas alkonstruita bloko da negocaj domoj. Ĉe la turo estas monumento de ĝeneva patrioto Philibert Berthelier, mortekzekutita 1519 pro kuraĝa defendo de civitanaj rajtoj. Kaj en tiu-ĉi turo kaj domo troviĝas nun la Centra Oficejo de UEA.

Montriĝis jam de tri jaroj ke la spaco en la oficejo de la Teatra bulvardo ne plu sufiĉas, Premita inter mebloj, paperoj kaj libroj la oficistoj arde atendis momenton kiam ni devos ŝanĝi pro fino de la kontrakto. Diversaj aliaj neagrablaĵoj devigis al serĉo de io nova kaj rapidigis tiun ŝanĝon la necerteco daŭrigi sub samaj kondiĉoj. Hazarde ni trovis la novan oficejon kaj post esploro de ĉiuj « Por » kaj « Kontraŭ » ni luis. La bela oficejo, bone situita en deca domo, kun spaco k.t.p. efektiviĝis kaj ni aldonu: Je favoraj kondiĉoj.



*Tour de l'Ile (Turo de l'Insulo) la nova sidejo de UEA.*

Translokiĝo ne estas interesa afero kaj feliĉe tio ne okazas ĉiumonate. Je la 23a de Aŭgusto, ekipo de sep fortuloj komencis la transporton de la oficejo. Centkvardek kestoj (1 metro longa, 80 cm alta kaj 80 cm larĝa) necesis por la transporto de la biblioteko kaj de la malgrandaj moveblaĵoj, oficeja ilaro k.t.p. La biblioteko sola, bezonis iom pli ol 100 kestojn. Necesis longaj veturiloj por ĉio, kestoj kaj mebloj. Al la sep

fortuloj aldoniĝis la oficistaro kaj sabaton vespere je la sesa horo ĉio troviĝis en la nova oficejo en la kvina etaĝo. Metode elpakiginte ni povis malembarasiĝi nin de la kestoj gajninte spacon kaj tempon. Nova ĉapitro en la ekzisto de la Centra Oficejo komencis.

UEA disponas laŭnombre la samajn ĉambrojn kiel antaŭe, escepte ke la nunaj estas senkompare pli grandaj. Krom tio estas dekses larĝaj murŝrankoj kun bretaroj, aranĝo tute mankanta en la modernaj domoj. Nia biblioteko nun troviĝas en vasta ĉambro kun balkono kies muro montras la ciferplaton de la horloĝo.

Per tiu ĉi ŝanĝo UEA ekokupis la kvinan sidejon. Komence en 1908, eta ĉambro en la rue Bovy-Lysberg, kontraŭ la Victoria Hall. Tiutempe UEA estis subluinto ĉe S-ro René de Saussure, kiu fondis Sciencan Oficejon Esperantistan. Kelkajn jarojn poste ni jam povis lui ĉambraron en la rue de la Bourse (Borsa Strato) aŭ strato de la Monujo kiel foje skribis rusa samideano. Tie, ni je militfino okupis la tutan teretaĝon. Forlasinte Ĝenevon por iom pli ol unu jaro ni trovis oficejon en la Teatra bulvardo. La plena ŝanĝo de la kondiĉoj estas videbla el tio, ke nia antaŭa oficejo en la rue de la Bourse estis luebla por... 5.400 Frankoj kontraŭ la 1.800 ĝis fino de la milito.

Malrapide sed konstante ni vidis la kreskon de la Asocio. Ĝin dokumentas jam la amplekso de la oficeja instalo. La mekanikiĝon de la laborprocedo montras la malpli da oficistoj. Se nova ŝanĝo devos okazi tiam ĝi nur estos laŭ nia deziro por iri en propran domon. UEA vivu kaj kresku konstante.

*(Alobrogo.)*



## Esperanta Radio Programo

de la Komisiono por Radio-Statistiko. Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

*Mallongigoj* : K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. = Novajoj.

DIMANĈO
08.30. — *Langenberg*, 473 m. — Aachen, Köln, Münster. — Par : Dormanns. — P. Kp. — 30 min.
08.56. — *Huizen*, 1.875 m. — Par : Faulhabert. — N. — 15 min.

MARDO
19.00. — *Kiev*, 800 m. — K. — 30 min.
19.00 — *Bern*, 411 m. — K. — 30 m. — Par : J. Schmidt.

MERKREDO
20.30. — *Ljubljana-Laibach*, 572 m. — P.
21.30. — *Torino*, 2752 m. — Par. — 10 min.

JAŬDO
20.30. — *Lyon-la-Doua*, 466 m. — Par : Prof. Pouchot. — K. — 15 min.

VENDREDO
18.05 — *Leipzig*, 259 m. — Dresden. — Par: Prof. Dr. Dietterle. — 15 min.
20.00. — *Tallinn-Reval*, 408 m. — Tartu-Dorpat. — N pri Estonio kaj Esp. movado. — 10 min.

SABATO
18.20. — *Breslau*, 253 m. — Gleiwitz, 325 m. — Par : E. Koschate. — 10 gajaj minutoj Esperanto — 10 min.
18.45. — *Frankfurt*, 390 m. — Kassel. — Par : W. Wisckhoff. — K. — 30 min.
19.15. — *Königsberg*, 276 m. — Dantzig. — P. — 5 min.
20.15. — *Lyon-la-Doua*, 466 m. — Par: E. Borel, Prof. Pouchot. — NP. — 15 min.

### INTERNACIA RADIO-ASOCIO

*Internacia Radio-Asocio.* — Post restarigo I.R.A. denove gajnis en diversaj landoj Naciajn Sekretariojn kaj Kunlaborantojn.

Por komune prilabori la radio-sferon estas intencita starigi ĉie Radio-kunlaborantojn. La gesamideanoj, kiuj prilaboras la radiofakon ĉe la Naciaj Societoj kaj Radio-sendstacioj estas petataj, sendi sian adreson al la redaktoro de ĉi-tiu rubriko aŭ al la Internacia Sekretario de I.R.A. s-ro P. Lendorff, Overbyes Alle 38, Kopenhago, Danmark.

Same ĉiu Esp.-grupo estas petata, anonci Radio-kunlaboranton al kiu estos sendata instrukcio por komune labori.

Por priparoli gravajn taskojn, I.R.A. aranĝis « Rondir-sendajojn » kiuj rondiras inter la Naciaj Sekretarioj kaj la laboremaj Radio-kunlaborantoj.

## Radio Leipzig

Por povi respondi al demando de nia sendstacio Leipzig, mi petas ekstergermanajn gesamideanojn, kiuj aŭskultas nian sendstacion, sciigi min, kiel eble plej baldaŭ:

1. ĉu ili aŭskultas miajn regulajn Esperanto-paroladojn,
2. ĉu ili aŭskultis la Esperanto-sciigojn dum la pasinta SAT.-kongreso?

Respondoj estas pro tio necesaj, ĉar de tio dependas pluaj aranĝoj.

Kun samideana saluto. *D-ro Dietterle,*
Leipzig W. 31. Seumestrasse 10.

## :: Esperantista Parolejo ::

*Al scienculoj, profesoroj kaj studentoj de superaj lernejoj ĉiulandaj.*

La Tutunia Societo por la kulturaj rilatoj inter U.S.S.R. kaj alilando (VOKS), en Moskvo, fondis specialan Komisionon por Supera lernejo, kies tasko estos praktike kaj laŭfake kunligi la sovetiajn kaj alilandajn superlernejanojn.

La problemo de la industriigo de tuta produktado, nuntempe solvata en Sovetunio, estas nur parto de la ĝenerala internacia kultura laboro, tial ĝi ne povas plene disvolviĝi, estante tro izolita.

La sovetiaj studentoj, profesoroj kaj fakuloj bezonas koni la alilandajn metodojn de la aplikata tekniko. La alilanduloj bezonas koni la rezultojn, atingitajn en Sovetunio, pro vasta kresko de la scienc-esploraj kaj uzinaj laboratorioj, pro la aktiva kunligo de la teoria akademia penso kun la industria kaj agrikultura teknikoj.

La tasko de la Komisiono estos plenumebla, se la koncernaj rondoj diskonigos ĝiajn celojn kaj se multaj profesoroj, fakuloj kaj studentoj de Superaj lernejoj sin turnos al ĝi kun praktikaj demandoj, koncernantaj la ĉiutagan laboron kaj konsentos respondi al la fakaj demandoj de la Komisiono.

Oni sin turnu en ĉefaj Eŭropaj lingvoj kaj Esperanto laŭ la adreso : VOKS, Komisiono por Supera Lernejo, M. Nikitskaja 6, Moskva, 69, Rus.

---

*Ekspozicio.*

La subskribita klubo aranĝos ekspozicion de esperantaĵoj Pro tio ni petas administraciojn kaj estrarojn de foiroj sendi al la adreso : Josef Kubiĉek, Usti nad Orlici, Prazska ul. Ĉeĥoslov. senpage gazetojn, propagandilojn kaj ĉiujn propagandaĵojn, kiuj montras praktikan uzadon de Esperanto en la tuta mondo.

Antaŭe ni dankas al vi kaj ni restas kun samideana saluto.

*Esperantista klubo,*
*Usti nad Orlici.*

---

## Oni proponas

La Centra Komitato de UEA decidas akiradi ĉiujare novajn dumvivanojn per lotado.

La lotado estas por ĉiuj 300 sinsekvaj pagoj (pagintoj) kaj daŭras senĉese dum la tuta jaro.

Ĉiu membro rajtas partopreni laŭdezire ĉi tiun lotadon. Por partopreno oni postulas la pagon de unu svisa franko.

Se iu membro pagus du, tri, k.t.p. sv. frankojn, partoprenus la lotadon kun tiom de numeroj. Por ĉiuj 300 sinsekvaj pagoj oni lotas kaj unu numero (pago) gajnos la dumvivanecon.

Post la unua tricento, gajnanta unuan dumvivanon, sekvas la dua tricento, gajnante duan dumvivanon, k.t.p. Dum la tuta jaro ĉiu membro rajtas partopreni la lotadon kiomfoje li deziras.

*Rimarko.* — Tielmaniere la Asocio ĉiujare povas akiri minimume 10 novajn dumvivanojn kaj ĉiujare plifortigados sian financan staton.

*Inĝ. Kr. Trikjakin,* MA 27081,
Kv. Gibran 3629, Stara-Zagora, Bulgar.

## Propagando dum marvojaĝo

Mi kredas ke la gesamideanoj interesiĝos pri propagando dum marvojaĝo. Sur la ŝipo, homoj havas multan tempon kaj dankas al ĉiu kiu helpas pasigi la horojn. Sur la « Tuscania », vojaĝante de Nova Jorko al Eŭropo en Junio, mi trovis grandan grupon de « Student Travel Tour » kaj arangis kun ĝia estro la « Open Ocean Forum ». Mi donis paroladon pri Esperanto kaj trovis multan intereson. Mi havis esp. afiŝon kun mi kaj skribis la horon kaj ĉambron tie ; tri sufiĉis por krei bonan aŭdantaron. Mi vendis ŝlosilojn kiujn mi havis kun mi kaj akceptis ankaŭ mendojn.

En 1926 mi vojaĝis al Francujo sur la « Carmania » kaj returnis sur la « Berengaria » kaj ĉiam anoncis « Open Ocean Forum » ; nenia « Tour » — grupo estis sur tiaj ŝipoj sed mi vendis ŝlosilojn kaj instruis Esperanton al grupo da vojaĝistoj dum unu semajno. Ĉiu samideano kiu faros vojaĝon povas fari tian propagandon. Li vidos ke la mar-vojaĝo, la enuo de la vojaĝistoj estas la plej ebleco por propagandi nian helplingvon. Uzu la okazon, kaj prenu ŝlosilojn kaj afiŝojn kun vi !

Dr. F.S. Onderdonk (Annbor, Ar Mich.)

---

## Pri Nova Testamento

En « Nova Testamento » presita en Londono 1913, mi trovas vorton « alesto » koncernante nian Sinjoron duan alvenon en la mondon por kondamni la mondon. Kiam mi aĉetis « La Sanktan Biblion » presitan en Londono 1926, mi anstataŭ « alesto » tie legas « alveno ». Mi citas nur du lokojn, kie la diferenco estas trovata, nome: 1 Tess. 4: 15 kaj 5: 23. Cetere ĉie, kie mi trovis la vorton, ĝi estas skribita en unue citita libro « alesto » kaj en la alia « alveno ». La vortoj ne povas ja esti sinonimoj, kelka diferenco en la senco devas troviĝi. Pro tio mi petas, ke kompetentuloj klarigu, kiu el ambaŭ estas ĝusta esprimante ideon, kiun intencas esprimi la originalo. Kvankam la demando eble ŝajnas esti bagatela, ĝi tamen al mi estas unuaranga. Pro tio mi petas klarigon.

*I. V. Ahonen, Seinäjoki, Suomi.*

---

## Pri la Jarlibro

El letero sendita al ni de Delegito ni ĉerpas la jenon pri la Jarlibro :

ĝi aperu kiel ĝis nun — pliampleksigita iom per nova jena aranĝo. Ĉiu delegito havu la rajton aldoni pli precizajn detalojn koncerne naturbelaĵojn, vidindaĵojn, industrio k.t.p., al sia adreso. Tiuj ĉi aldonoj ne entenu reklamon. Ili servu por ke la jarlibro fariĝu uzinda geografia helpilo ĝis nun nenie ekzistanta. La nunaj klarigoj en la jarlibro estas tro koncizaj kaj tute ne donas klaran bildon. La koston de plia teksto la koncerna delegito pagu mem, (ĝis nun UEA por similaj — sed reklamaldonoj — postulis ridinde etan sumon.)

Anstataŭ la dua parto de la jarlibro, UEA eldonu taŭge aranĝitan poŝformatan kalendaron. Ĝi estu aparte mendebla kaj pagigota. La bezono al bona Esp. poŝkalendaro estas evidenta. Ĝis nun ne ekzistas tia kaj multaj aĉetus ĝin. Sed ĉefafero estus, ke ĝi estu ne pli kosta ol 1.50 Fr. sv. kaj aperu antaŭ Decembro.

F. Ullrich, Delegito de UEA
Burgstein, Ĉeĥoslovakio.

## Oni dankas

S-ro Franco Ramolfo, Delegito de UEA en Trofarello, Ital., Torino, kore dankas al la Esperantistaj grupoj de Dover kaj Portsmouth, speciale S-ron Edward Long en Gosport por afablaj kaj neforgeseblaj servoj dum vojaĝo okaze de la aviadkonkurso Schneider.

*** S-ino M. A. Rivière, Delegitino de UEA en Salon, Francujo, Provence kaj S-ro Rivière, Ano de UEA kore dankas al la Delegitoj en urboj Pisa, Venezia, München por afabla akcepto kaj gvido. S-ino Vuichard kaj filo aliĝas esprimante dankon al la Delegito en Venezia.

*** Prof. Inĝ. Josef Schneider, Karlsbad, sincere dankas por bonegaj servoj al sinjoroj Hans Koch, VD en München, D-ro Orthal kun edzino, A. Starke en Nürnberg, kaj la estinta delegito en Schaffhausen, kiuj helpis lin modelege.

*** S-ro Imrich Turansky, UEA-ano en Bratislava, kore dankas al S-ro Otto Ginz, D en Praha por lia grava servo rilate al lia parencino f-ino Paula Horváth.

*** Esperantista Klubo « D-ro Schulhof » en Pardubice, Ĉ.S.R. kore dankas al la bonvolaj delegitoj de UEA kiuj kompleze plenumis nian peton sendinte adresojn de naciaj gazetoj. Adresojn ni uzos por la propagando de ekspozicio en Pardubice, prokrastita ĝis 1931.

*** S-ro Holger Hansen, Delegito de UEA en Holbäk, plej kore dankas al tuta vico de sindonemaj delegitoj por servoj dum longa vojaĝo. Neforsegeble belan vojaĝon li havis dank' al sekvantaj samideanoj: La D kaj VD en jenaj urboj: Kraków, Košice, Cluj, Teius, Sighisoara, Braŝov, Bucureŝti, Constanta, Konstantinoplo, Plovdiv, Sofia, Beograd, Novi-Sad, Subotica kaj aliaj samideanoj en nomitaj lokoj. Li ankaŭ ne forgesas la bonkorajn samideanojn en Zagreb, Diod, Bátászek kaj Budapest. Koran saluton al ĉiuj.

*** S-ro Jan Zemek, fervojoficisto, VD de UEA en Rumburk, Bohemio, tutkore dankas al S-ro Laszlo Zimmerman kaj fianĉino por amika helpado dum restado, ankaŭ en la nomo de F-ino Veronika Eksta, ministeria oficistino el Tallinn, nunjara Fraŭlino Esperanto.

*** S-ro Vadim V. Rutinskij en Slawa, Kanado, Alb., dankas S-ron Simeon Garcia y Roxas, Delegiton de UEA en Manila, Filipinaj Insuloj por tre grava kaj sukcesplena servo en serĉado de perditaj parencoj. Al ĉiuj personoj helpintaj lin en la serĉadon koran dankon. Mi ne povas ne esprimi mian miron kaj kontentecon pri laboro de UEA, ĝi estas plej efika; miajn gratulojn, gesamideanoj.

*** S-ro H. Sakaria, UEA ano en Tallinn, dankas la D en Pankjavitsa, Eston., S-ron Alfrad Jagamägi por afabla servoj kaj efika helpo dum migrado en suda Estonujo.

*** En la dankesprimo de D-ro Privat en la julia numero N-ro mankis nomoj de la sekvantaj donacintoj: S-ro Walder, Edinburgh, S-ro Hetzel, Philadelphia, S-ro Hansen-Holbaek, S-ro rektoro S. Jansson, Stockholm.

## Esperantistaj filatelistoj

Nia artikoleto pri Esperanta poŝtmarkkatalogo havigis al ni multajn korespondaĵojn kun valoraj sugestioj, sed bedaŭrinde ne sufiĉe diversnaciaj por jam nun komprenigi al eldonisto la realigadon de tiu necesa ilo por filatelistoj. Ni tamen dankas kore al ĉiu skribinto. Hodiaŭ ni submetas la jenan proponon.

Ni starigu universalan filatelistan amikaron, al kiu ĉiu poŝtmarkkolektanto favora al Esperanto estas rajtigata membriĝi. La celo estas ne nur plibonigota interkonatiĝo de la interŝanĝistoj, sed pli speciale la kreado de ampleksa, regula informilo kiel eble plej esperantlingva (kies eldoncifero certe estus interesa havante tutmondajn abonantojn) kaj aliaflanke la eldonado de Esperanto katalogo starigota sur internacia monsistem bazo. Ni do petos ĉiujn interesemulojn alsendi siajn opiniojn kaj respondi la jenajn demandojn:

1°) Ĉu viascie projekto de universala asocio estis jam pritraktata? Se jes, kiuj rezultatoj estis atingitaj kaj kiaj kondiĉoj evidentiĝis?

2°) Ĉu en via lando ekzistas filatelista organo iafoje publikiganta esperantajn artikolojn aŭ kiu evenuale akceptus fari tion ĝis laŭebla transformo en oficiala organo de la formota Esperanta Filatelista Asocio?

3°) Kiel vi ekvidas la konstitucion de la projektita asocio kaj laŭ kiu plano ĝi estos plej facile realigota (statutoj, komitato, kondiĉoj, kunlaboro k.t.p.).

Ni firme substrekas la neceson por nia sukceso ke ĉiu samideano eĉ nekolektanto interrilatiĝu kun filatislistoj amikoj neesperantaj por unue ekaŭdi multnombrajn ideojn kaj due, per tio iom helpi antaŭenpuŝi nian mondlingvan movadon en tiuj rondoj. Tio certe multe helpos la varban propagandon por *Esperanto!*

Ni informos pri la akiritaj rezultatoj kaj do, kun fido atendas detalajn respondojn.

S-roj *Lienhardt* kaj *Naoumoff*, gare *Haguenau* (Bas-Rhin) Francujo.

## *En kelkaj linioj...*

La prezidanto de la Supera tribunalo en Praha per dekreto de la 26a de Julio nomis S-ron D-ron Ernst Gruber, Supera Financa kontrolisto en Reichenberg-Liberec, rajtigitan perĵure tradukiston de Esperanto.

— Dum la kongreso de la Nordamerika Esperanto-Asocio en Nor-Jorko, 9-14 Julio, la Paramount Famous Lasky Corporation en New York filmigis en parolanta firmo S-ron Henry W. Hetzel, Philadelphia prezidanton de laEANA, S-inon Chomette, pro triminuta dialogo kaj saluto. La iniciativo venis de la filmkompania mem.

— Laŭ demando de la Metro-Goldwyn-Mayer Co. la nacia sekretario de UEA, S-ro Donald Parrish faris triminutan priskribon de Esperanto. Oni intencas elmontri tiun filmon ĉefe en Usono kaj en angleparolantaj landoj.

Al ĉiuj Esperantistoj samtempe religiaj (kristanaj) socialistoj, mi faras la urĝan peton konatigi sin al mi (plenan nomon kaj adreson! mi petas) por ke ni komune agadu kaj servu la internacian religian (kristan-) socialistan movadon. Ni pruvos tiel agante la utilon de Esperanto kiel interfratigilon kaj interkomunikilon por nia movado.

*J.L. Bruijn,*
Daguerrestraat 156, Hago (Nederlando)

La Komitato por Internaciaj Rilatoj petas alsendon senpagan de ĉiuspecaj esperantaĵoj, libroj kaj gazetoj, ambaŭ en Esperanto kaj pri Esperanto, por kaj per Esperanto. Rekompence ĝi sendos ĉiujn eldonaĵojn, precipe librojn enhavriĉajn en Esperanto pri ĥinaj politikaj aferoj, socia kaj ekonomia vivo, kiujn ĝi eldonas almenaŭ po unu ĉiumonate. Adresu ĉion al: La Komitato por Internaciaj Rilatoj, No. 5 Mao-tan Strato, Nankino, Ĥinujo.

## Esperantista vivo

*Fianĉiĝo*

F-ino Antonia Hentdrika Fulkens, samideanino kaj S-ro Coenrad Heuvel, Membro de UEA ambaŭ en Utrecht, Nederlando.

*Edziĝo*

S-ro Viktor Badin, MS kaj VD de UEA en Nové Zamky, Ĉeĥoslovakio kun F-ino Rozeto Knechtsberger, Anino de UEA el Bratislava, 18. Aŭg. 1929.

*Honorigo.*

S-ro J. de Bloeme, ĥirurgo en Leeuwarden akiris la doktoran gradon. Unu el le tezoj kiujn li defendis nomiĝis: En internaciaj medicinaj kongresoj kaj en medicinaj revuoj oni allasu lingvon Esperanto.

— S-ino Bronislawa Rosental, MA en Krakow, filino de D-ro Blassberg, eksprezidanto de TEKA akiris la diplomon de doktoro de filozofio.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO VICTOR BABESCU, direktoro de la Liceo Iozif Vulcan, en Arad, 25. Aŭg. 1929. Prezidis la kvaran kongreson de rumanaj esperantistoj. Sekve de granda ĉagreno pro la morto de patro kaj edzino, mortpafis sin sur tombo de la edzino post inaŭguro de maŭzoleo. La rumanaj samideanoj priploras amindan protektanton. — E. M.

S-RO JOSEF ĈERNY, Delegito de UEA en Kolin nad Labem, Septembro 1929.

*Sinceran kunsenton !*

## REKLAMO

*MALLONGIGOJ;* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝmarkoj sur bildflanko.* k.ĉ.l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

### Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro J.C.F. Heinsius, D-ro Jur., P. P. C. Hooftstraat 144 (Z.) L, k.ĉ.l. pri ĉiaj temoj. Nepre respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — F-ino Lea C. Van Loen, Ruyschstraat 14, L, PI, pri ĉia temo.

*Belgorod* (Sovetunio, C.Ĉ.O.). — S-ro A.P. Solovjev, Sadovaja 22, Gosmelnica u. 125, (teknika direktoro de ŝtata muelejo) deziras seriozan korespondadon pri trafiko kaj muelado de tritiko, sekalo, aveno, maizo, poligono, sunfloro, milio, rizo, sorgo kaj hordeo. Krom tio ĝoje interŝanĝos teknikajn gazetojn, librojn, artikolojn, bildojn kaj manuskriptojn. L, PK, PI, k.ĉ.l.

*Boras* (Sved.) — S-ro Nils Svensson, Kindsvägen 24, L, PI, Fot-aĵoj kun junaj geesperantistoj el ĉiuj landoj. Ĉiam kaj tuj respondos.

*Cluj* (Ruman.). — D-ro Nicolas Pop, Reg. Ferdinand 42, PI. Nepre respondos.

*Hateg* (Ruman.). — S-ro Elemer Grün, komercisto, PM, PI.

*Hateg* (Ruman.). — S-ro Leopoldo Heszkel, p. adr. Abraham Lecker, PM.

*Jiĉin* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Alois Kubiĉek, Nerudova 47, PI, L, k.ĉ.l.

*Kioto* (Japan.). — S-ro Takeo Karakaŭa, Goshodancho 6, ShiShigatani, PM, PI, Esp. Insignojn k.ĉ.l.

*Kioto* (Japan.). — S-ro Togoro Kanzaki, Denkioku, Electrical Bureau, Teramachi-Oiko, elektrikajn dokumentojn aŭ diagramojn, k.ĉ.l.

*Lapinlahti* (Finnlando). — F-ino Hanna Kasurinen, pardonpetas ĉar ŝi ne povis respondi al ĉiuj, kiuj skribis al ŝi sekve de ŝia anonco en *Esperanto*, n-ro 1, 1929, sekve de ricevo de centoj da L kaj PK.

*Liberec* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Teo Novotny, Na Okruku 16, L, PI, esp. hispane, portugale, itale, angle.

*Loimaa* (Finnlando). — S-ro Väinö Hellsten, PM, L, k.ĉ.l.

*Loimoo* (Finnlando). — S-ro Armas Numminen, PM. L.

*Magdeburg* (Germanujo). — S-ro Fritz Rockmann, instruisto, Sandtorstrasse 8, PI, L por lerneja korespondado de 150 lernantoj.

*Panevezys* (Litov.)— S-ro Josef Petrulis, Kalejimas-Puzine g.8, L, k.ĉ.l. junularo pri diversaj temoj precipe religio, pacifismo.

*Stettin* (Germanujo). — S-ro D-ro Münster, Hohenzollernstrasse 58, PI, k.ĉ.l. prefere kun negermanoj. Ĉiam resp.

*Taucha Bez. Leipzig.* — S-ro Kurt Köhler, poŝtoficisto, Kirchstrasse 4, PI, PM, k.ĉ.l.

*Tempeh O. L. Via Loemadjang* (Javo). — S-ro Ong Thian Tong, L, PI, Esp aŭ angle nur kun ĉinaj gesinjoroj aŭ gefraŭloj en Ĉinujo. Certe respondos.

*Trondjhem* (Norveg.)— S-ro Ragn. Rian, Nonnegatan 27,PM.

*Trondhjem* (Norveg.). — S-ro Ivar Homnes, Ovre Möllenberg 63, PM.

*Trondhjem* (Norveg.). — S-ro Odd Rian, Ovre Möllenberg 70, PM (ĉiuj certe respondas, sed ne sendas unue).

*Wien* IV. — S-ro Francis S. Onderdonk, Argentinierstrasse 4, serĉas ekslibrisojn kaj donas kontraŭ ili aliajn. Korespondas angle, germane kaj france.

## Petoj kaj Proponoj

INTERNACIA KOMERCO

*Enketo.* — Preskaŭ ĉiu homo kredas je ia rilato inter la vetero kaj la fazoj de la luno. D-ro C. Baart de la Faille, Delegito UEA en Arnhem, Nederlando, Roëllstraat 8, deziras kolekti la precize esprimitajn opiniojn de kiel eble plej multaj personoj pri tio. Bonvolu mencii ankaŭ vian profesion.

*Gazetservo.* — La Komitato por Internaciaj rilatoj planas starigi Gazet-servon kun la celo konigi al la mondo la veran staton de aferoj en Ĥinujo kaj interŝanĝi valorajn artikolojn pri naciaj politikaj aferoj, socia kaj ekonomia vivo kaj aliaj temoj. Ĵurnalistoj-samideanoj estas petataj sin turni al ni tuj per letero, se ili volas ricevi de ni tiajn manuskriptojn pri ĥinaj politikaj aferoj, socia kaj ekonomia vivo, kaj aliaj temoj, kaj kondiĉe ke ili konsentos rekompence sendi al ni similajn manuskriptojn ĉu originale verkitajn aŭ tradukitajn el nacilingvaj gazetoj en Esperanto aŭ en angla lingvo. Ĉion adresu al: La Komitato por Internaciaj Rilatoj, No. 5 Mao-tan Strato, Nankino, Ĥinujo.

*Okupo serĉata.* — Eksprofesoro lingvisto en Jugoslavujo serĉas konvenan okupadon kiel oficisto ĉe firmo por vivteni sin sian edzinon kaj infanon. Franjo Modrijan, profesoro, Nova Vas pri Rakeku, Jugoslavio.

*Ofico serĉata.* — Perfekta germana stenotipistino, 23 jaraĝa, sepjara oficeja sperto, serĉas oficon kiel volontulino en pli granda komerca entrepreno en Svislando por funde ellerni la francan lingvon. Proponojn oni sendu al la redakcio de *Esperanto* kiu transsendos.

*Propagandiloj* el ĉiuj landoj kaj lokoj interŝanĝas: Adolf Münz, Ĉefdelegito de UEA, Leipzigerstrasse 58, Berlin S W 19. Certe respondos.

# ESPERANTO

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj
Koresponda anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Fr.
Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.

Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1.8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Fr.k., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE